La jurnalo ne aperos dum la monato Septembro.

1ª jaro. 10ª numero.




# BELGA ESPERANTISTO

## Monata Revuo


Oficiala organo de la BELGA LIGO ESPERANTISTA

REDAKTATA DE



Léon CHAMPY, Fr. SCHOOFS,
VAN DER BIEST-ANDELHOF,
Jer. VAN LAERE,
kaj Oscar VAN SCHOOR.


**kun la kunlaborado de multaj aliaj belgaj kaj eksterlandaj esperantistoj.**

AŬGUSTO 1909

*ENHAVO:*



*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16*


ANTVERPENO

(Antwerpen — Anvers)

Eldonanto : FR. SCHOOFS, 49, Kleine Beerstraat (Rue de la P^te Ourse.)

# Belga Ligo Esperantista

## ĈIUJARA KOTIZAĴO:

(JAARLIJKSCHE BIJDRAGE — COTISATION ANNUELLE ):

Ordinaraj membroj (Gewone leden. — Membres ordinaires . . . . . . . . . . Fr. 1.00
Protektantaj membroj (Beschermende leden. — Membres protecteurs) . . . . . . Fr, 10.00
Bonfarantaj membroj (Leden-weldoeners. — Membres bienfaiteurs) . . . . . . . Fr. 25.00

## Honora Komitato :

S-roj F. COCQ, Skabeno de la Publika Instruado, Ixelles.
D-ro V. DESGUIN, Skabeno de la Publika Instruado, Antverpeno.
DUBOIS, Direktoro de la Supera Komerca Lernejo, Antverpeno.
D-ro GASTER, Direktoro de la Germana Lernejo, Antverpeno.
Senatano HOUZEAU DE LEHAIE, Mons.
Frato IZIDORO, profesoro ĉe la Reĝa Instituto de Surdmutuloj kaj de Blinduloj, Woluwe-Bruselo.
Senatano LAFONTAINE, Bruselo.
Generalo LEMAN, Komandanto de la Militista Lernejo Bruselo.
MOURLON, Direktoro de la Geologia Oficejo, Bruselo.
O. ORBAN, profesoro ĉe la Universitato Lieĝo.
ERNEST SOLVAY, senatano, Bruselo.

# AGADA KOMITATO:

Prezidanto : S-ro Van der Biest-Andelhof, 26, Arendstraat (Rue de l'Aigle), Antwerpen (Anvers).
Vice-Prezidantoj : S-ro A.-J. Witteryck kaj S-ro Abato Richardson.
Generala Sekretario: S-ro L. Champy, 21, Lange Herenthalsstraat (Longue Rue d'Herenthals), Antwerpen-Anvers.
Kasisto : S-ro Osc. Van Schoor, 20, Vondelstr., (Rue Vondel) id.

## Membroj elektitaj de la Ĝenerala Kunveno :

S-roj L. Champy, (Antverpeno), Komandanto Duverdyn (Bruĝo), Abato Richardson (Bruselo), Fr. Swagers, D-ro R. Van Melckebeke kaj Osc. Van Schoor (Antverpeno).

## Delegitoj de la Grupoj :

ANTVERPENO (1) (*Antverpena Grupo Esperantista*), S-roj Ad Finet, Van der Biest-Andelhof.
» (*La Verda Stelo*), S-roj J. B. Istace, Fr. Schoofs.
» (*La Suda Lumo*), S-ro Fl. De Keyser.
BERCHEM (*Berchema Grupo Esperantista*), S-roj Ad. Goossens, Ant. Havermans.
BEYNE-HEUZAY (*Antaŭen*), S-roj Jules Albert, D-ro Dupont.
BOOM (*Booma Grupo Esperantista*), S-ro Jules Clerbaut.
BORGERHOUT (*Laboro*) F-ino Maria Posenaer.
BRUĜO (2) (*Bruĝa Grupo Esperantista*), F-ino B. Ledène, S-ro A. J. Witteryck.
BRUSELO (3) (*Pioniro*), F-ino A. Guilliaume, S-ro Oct. Chalon.
» (*La Zamenhof*), S-ro Louis Grégoire.
HUY (*Esperantista Grupo*), S-ro H. Thiry.
KARLOREĜO (4) *Karloreĝa Grupo Esperantista*),S-ro L. Delvaux
MARIABURG (*Verda Flago*), S-ro Fr. Willemsen.
MORESNET-BELGA (*La Fidelaj Amikoj de Zamenhof*), S-ro P.J. Schmetz.
MORESNET NEŬTRA (*Amikejo*), S-ro Karl Schriewer.
NAMUR (*Namura Stelo*), S-ro A. Verbeken.
NIVELLES (*Grupo Esperantista*), . . . .
Sta TRUDO (5) (*Excelsior*), S-ro Fr. Leenen.
» (*Stelo Matena*), S-ro Pol Stappers.
VERVIERS (*Esperantista Grupo*), S-ro Jos. Parotte.

---

(1) Antwerpen, Anvers. — (2) Brugge, Bruges. — (2) Brussel Bruxelles. — (4) Charleroi. — (5) St Truiden, St Trond.

# ESPERANTA GAZETARO

## I. — SPECIALAJ GAZETOJ :

**Oficala Gazeto Esperantista.** — 5 fr. — *51, rue de Clichy, Paris.*

**La Esperanta Kolektanto.**— 2 fr.— *Weltwarte,* Leipzig St, (Germanujo).

**Esperanta Ligilo,** en reliefpunktoj, por blinduloj. — 3 fr. — Th. Cart, *12, rue Soufflot, Paris.*

**Espero Pacifista.** — 5 fr. kun laŭvola aligo al la Esperantista Societo de Paco. — Gaston Moch, *26, rue de Chartres, Neully-sur-Seine* (Francujo).

**Espero Katolika.** (4 fr.) 5 fr. — Administrejo 23, *rue Joubert, Paris.*

**Internacia Pedagogia Revuo.**— 2 fr. 75.— en *Bystrice-Hostyn* (Aŭstrio, Moravio).

**Internacia Scienca Revuo.** — 7 fr. — Internacia Scienca Oficejo, *8, rue Bovy-Lysberg, Genève* (Svisujo).

**Tra la Filatelio,** internacia monata organo de ĉiuj kolektistoj de poŝtkartoj kaj poŝtmarkoj.— (2 fr.) 2 fr. 50 — Fize, *au Patissou, Béziers* (Francujo).

**Voĉo de Kuracistoj.** — 2 fr. 50. — Dro Stephan Mikolajski, 6, strato Sniadeckic, *Lwow* (Aŭstrio).

**Export-Esperantist.**— (Esp. Angle) 5 fr. — *404, Security Bdlg, Chicago,* Ill. U. S. A.

## II. — ĜENERALAJ KAJ BELETRISTIKAJ GAZETOJ :

**Eĥo Esperantista.** — 2 fr. 50. — J.-H. Schorer, *Wilhelmstr., 29, Berlin.*

**Esperanta Internacia Revuo,** industria, komerca, eksporta, filatelia reklama kaj literatura. — 5 fr. 15. — *Ulloi-ul, 59, Budapest.*

**Esperanto,** dusemajna. —(4 fr.) 5 fr. — Librairie de l'Esperanto, *15, rue Montmartre, Paris.*

**Espero** (Ruse), internacia revuo de la kultura unuigo de popoloj, organo de la Societo *Espero.* — 10 fr. — *Vjestnik Znania, 147, Nevsky pr., Peterburgo.*

**Juna Esperantisto,** Por junuloj, instruistoj kaj lernantoj. — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, *33, rue Lacépède, Paris.*

**La Bela Mondo,** ilustrata.— (Mk 6) fr, 7,50.— F. Emil Boden, *12, Bismarckplatz, Dresden.*

**Lingvo Internacia.** — 2 fr. 50. — Presa Esperantista Societo, 33, *rue Lacépède, Paris.*

**La Revuo,** literatura, kun konstanta kunlaborado de Dro Zamenhof.— 7 fr. — Hachette, 79, *rue Saint-Germain, Paris.*

**La Spritulo,** gazeto por ŝerco, humoro kaj satiro, — 3 fr.— Richard Bresch, Körnerstr., 31, *Leipzig* (Germanujo).

## III. — NACIAJ PROPAGANDAJ GAZETOJ :

*Alĝerio* — **Afrika Esperantista** (France).— Senpaga por la membroj de la grupo de Alger.— 4, *rue du Marché, Alger.*

*Aŭstralio.* — **The Australian Esperantist.** — 0 fr. 30 por ĉiu numero.— R. Dossor, *Bridgestreet, Benalla* (Viktorio).

*Aŭstrio.*—**Informaj Raportoj** (Germane).— 2 fr. 50.— K. F. Ahlgrimm, *Bandgasse, 31, Wien* VII/1. (Vidu ankaŭ : *Bohemujo).*

*Azia Turkujo.* — **Greklingva Esperantisto,** (Greke-Esp.) — (Piastr. 11.35) 3 fr. — *Samosa Esperantista Societo,* Samos (Azia Turkujo).

*Belgujo.* — **Belga Esperantisto** (Esp., Flandre kaj France) — (4 fr.), 5.00). — Osc. Van Schoor, *20 Vondelstraat, Antwerpen.*

*Bohemujo.* — **Časopis Českych Esperantistu** (Boheme). — (3 Kr.) 3 fr. 75. — *Praha II.*

*Bohemujo.* — **Bohema Esperantisto** (Esp., kaj Boheme). — 4 fr., 25. — Red., *Praha III,* 495 (J. Iglauer), Adm., en *Jevičko* (Aŭstrio, Moravio).

*Brazilo.* — **Brazila Esperantisto** (Portugale), — 6 fr, — *Largo de S. Francisco do Paula,* 4, Sob., *Rio de Janeiro.*

*Britujo.* — **The British Esperantist** (Angle). — (3 ŝil.). 4 fr. — *Museum Station Buildings,* 133-136, *High Holborn Londen. W. C.*

*Britujo.* — **La Esperanta Instruisto** (Angle). — (1ŝ. 6 p.). 2 fr. 50, — *Stead's Publishing House,* 39 *Whitefriars street Londen, E. C,*

*Britujo.* — **La Londona Gazeto** (Angle). — C. A. Fairman. 70. *Romola-road, Herne Hill,* London S. E.

*Bulgarujo.* — **Lumo** (Bulgare). — (3 fr. 50) 5 fr. — *Tirnova.*

*Ĉilo.* — **Ĉilo Esperantista** (Hispane) — 2 fr. — *Casilla* 1989, *Santiago.*

*Ĉilo.* — **La Du Steloj** (Hispane). — 5 fr. — 1437, *calle de la Catedral, Santiago*

*Ĉilo.* — **Esperantaj Skribajoj** (Hisp.), — 1 fr. — *Casilla* 1284, *Santiago*

1a JARO. AŬGUSTO 1909. 10a NUMERO.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO,

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

redaktata de Léon Champy, Fr. Schoofs, Van der Biest-Andelhof, Jer. Van Laere kaj Oscar Van Schoor.

ABONPREZO :

Belglando . . . Fr. 4.— (Sm. 1.60)
Eksterlando . . Fr. 5.— (Sm. 2.—)
Unu numero . . Fr. 0.40 (Sm. 0.16)

Sekretariejo : 49, Kleine Beerstraat, (rue de la Petite Ourse), Antwerpen Anvers.
Abonoj kaj Monsendoj : 20, Vondelstraat (rue Vondel), id.
Ĵurnaloj, broŝuroj, libroj : 26, Arendstraat (rue de l'Aigle), id.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# Farmaciistoj kaj Esperanto

La movado por enkonduko de nia kara lingvo iom post iom ekorganiziĝas. En la unua periodo de ĝia apero kiun mi nomos la *teoria periodo* oni disvastigis Esperanton ĉie kie oni povis sukcesi ; la ideo de internacia lingvo helpanta kaj ĝies efektiviĝo per Esperanto devis enradikiĝi en la mondon. Iom post iom, kiam tiu komenca laboro sukcesis, oni provis enkonduki nian karan lingvon kaj ĝies regulan uzadon en la teknikon, en la fakajn sciencojn, en la praktikan vivadon. La nunan periodon ni povas tutprave nomi : la praktika periodo.

Jam en multaj fakoj de la tuthomara aktiveco, ni vidis ke Esperanto eniĝis kaj ke ĝi sukcesis jam nun esti granda helpilo por la disvastigo de internaciaj interrilatoj inter samprofesiaj, samfakaj aŭ samcelantaj personoj el diversaj landoj kaj de diversa lingvo kaj nacieco. Ni nur citu la scienculojn, la blindulojn, la instruistojn, la kuracistojn, la dentistojn, la juristojn, la policanojn, la inĝenierojn kaj multajn aliajn profesiojn aŭ movadojn, kiel Ruĝa Kruco, Pacifistoj, militistaro, turismo, komerco, financoj, fervojoj, filatelio, k. t. p. kiuj enkondukis Esperanton kiel praktikan ilon por internaciaj interrilatoj.

Sed ankaŭ jam de kelka tempo, ĉe la farmaciistoj oni eksentis la necesecon de internacia helpa lingvo. En la dua Esperanta Kongreso en Genevo, kelkaj diverslandaj farmaciistoj kunvenis por priparoli la eblecon krei internacian Esperantistan Farmacian Asocion, la verkadon de teknika Esperanta vortaro kaj la eldonadon de Internacia farmacia Revuo. Ankaŭ

en la sekvantaj kongresoj de Cambridge kaj Dresdeno ili ree kunvenis kaj en la lasta kunveno en Dresdeno, oni starigis la Internacian Esperantistan Farmaciistan Asocion (I. E. F. A.) Dum la Va, en Barcelono okazonta kongreso, la farmaciistoj eĉ aranĝos kongreseton kies programon oni povas legi en la nuna numero de nia jurnalo.

Kial Esperanto ne sukcesus ĉe la farmaciistoj ? Laŭ mia opinio Esperanto estas utila kaj necesa afero ĉe niaj kunfratoj kaj certege la enkonduko de nia helpa lingvo ĉe la farmaciistojn estas tre ebla.

Mi ĉeestis pli ol unu sciencan kaj farmacian kongreson kie la anoj, kunvenintaj el diversaj landoj kaj mondpartoj ne povis tute bone interkompreni sin ; kaj tiamaniere komunikaĵoj eble tre interesaj, estis perdataj por la plej granda parto de la kongresanoj. Kio pli facila, kio pli praktika ol unu komuna lingvo, komprenata de ĉiuj farmaciistoj, kiam ili el ĉiuj mondaj partoj kunvenas por priparoli siajn sciencajn kaj profesiajn interesojn ?

Antaŭ kelka tempo mi estis ano de la redaktistaro de la farmacia revuo « Journal de Pharmacie d'Anvers ». Nia revuo interŝanĝiĝis kun multaj eksterlandaj profesiaj revuoj kaj ĉiumonate ni ricevis ĵurnalojn eksterlandajn eldonitajn en diversaj naciaj lingvoj.

Kiel ofte ni komprenis, per la titoloj de diversaj artikoloj, ke tiuj verkoj estis multege interesaj por ni kaj tial ke ili estis verkitaj en rusa, pola, sveda, dana, rumana, japana lingvoj, ni povis nek legi nek traduki ilin por komuniki ilian enhavon al la legantoj de nia revuo. Estas certega kaj nediskutebla veraĵo ke se ni estus povintaj verki rezumon aŭ tradukon de tiuj verkoj por nia ĵurnalo, nia revuo estus fariĝinta multe pli interesa kaj niaj legantoj estus pli bone instruitaj pri la novaĵoj de la scienca kaj profesia tutmonda movado.

Farmaciisto estas homo kiu pro sia profesio estas preskaŭ ĉiam hejme ; kompreneble li havas inter la laborado multajn liberajn momentojn kiujn li povas tre profiteme utiligi per lernado de Esperanto, per korespondado kun eksterlandaj kunfratoj, per verko de sciencaj aŭ profesiaj artikoloj interesantaj la tutmondan farmaciistaron. Tiamaniere li fariĝos utilulo por siaj kunfratoj kaj li mem plivastigos sian sciencon kaj trovos en la uzo de Esperanto amuzan kaj profitan temppasadon.

Ekzistas jam en la mondo sufiĉe da Esperanton komprenantaj Farmaciistoj por starigi potencan Internacian Asocion ; bedaŭrinde ĉiuj tiuj fortoj estas solaj, ne unuigitaj.

La celo kaj la tasko de I. E. F. A. estas unuigi tiujn perditajn fortojn kaj igi ke la tutmonda farmaciista anaro laboru por la bono de ĉiuj kunfratoj.

Tial ni esperas ke nia alvoko estos represata en ĉiujn esperantajaj gazetojn kaj ankaŭ — per la zorgo de nin diverslandaj kunfratoj—tradukita kaj enpresita en la naciajn farmaciajn revuojn, por ke baldaŭ nia I. E. E. A. progresu kaj kalkulu membrojn en ĉiuj landoj eĉ en ĉiuj urboj de la tero. Tiam la farmaciistoj ankaŭ estos pruvintaj ke ili estas homoj progresemaj kaj praktikemaj.

Oscar VAN SCHOOR.

Antverpeno, la 28an de Julio 1909.

---

# La skribsistemoj de l' blinduloj

Dum la Januara monato de l'nuna jaro, la blinduloj kaj tiflofiloj festis en Parizo la centjaran datrevenon de la naskiĝo de Ludoviko Braille, kiu, ĉirkaŭ la jaro 1825 verkis la reliefan punktalfabeton por la blinduloj.

Blindulo li mem, kaj lernanto en la blindulejo de Valentin Hauï, fondita en la Franca ĉefurbo, li konis per eksperimento la difektojn de la linia litersistemo de la majstro : malfacileco kaj malrapideco por la legado : neebleco por la skribado. Vane Klein kaj Hall estis jam klopodintaj por ĝin plisimpligi, plifaciligi, la rezultatoj estis kvazaŭ nulaj. La jam rimarkinda progreso de la blindulinstruado ĉiutage pli kaj pli montris la necesecon de la skribado, kaj de pli rapida legado.

Blindiĝinta oficiro Barbier komprenis, ke, por ebligi la skribon, oni devus anstataŭi la liniojn per punktoj, kaj li verkis originalan punktan alfabeton, kiu tute ne similis al la ordinara alfabeto de l' viduloj estis por tiuj ĉi tute ne legebla. Plie la literoj estis tiel grandaj, konsistis el tiom da punktoj senorde aranĝitaj, ke vere la trovaĵo ne taŭgis. Sed ĝi enhavis taŭgan principon, kiun elĉerpis la juna Braille kaj kiu lin kondukis al la elverko de la punkta litersistemo, kiu poste devis almiliti la blindulmondon. Jen tiu principo tre simpla : la fingro palpas pli facile, pli klare punktojn ol liniojn, jen por la lego ; estas pli facile fari reliefe punktojn ol liniojn, jen por la skribo. Post la elĉerpo de tiu principo el la Barbiera sistemo, Braille nur devis ĝin plisimpligi, pliordigi por ke la legado kaj skribado fariĝu pli klaraj kaj pli rapidaj ; li plene sukcesis : la plej granda litero konsistas nur el ses punktoj ; la aranĝo de la punktoj estas pli regula ; la 40 literoj formas kvar seriojn, ĉiu de 10 literoj ; la 2a, 3a kaj 4a serioj devenas de la unua per almeto de unu aŭ du punktoj. Krom la 40 literoj estas ebla fari 24 signojn, el kiuj oni kelkajn prenis por la interpunkcio. La ciferoj kaj ĉiuj aritmetiksignoj, kiel ankaŭ ĉiuj la muziksignoj, estas skribataj per la samaj 64 signoj ĉar nenia konfuzo povas okazi.

En la komenco, tiu simpla sed ege taŭga sistemo renkontis akran kontraŭstaron, eĉ en la instituto, kie Ludoviko Braille estis tiam lernanto, iom poste profesoro. Oni riproĉis ĝin pro ĝia malsimileco je la ordinara alfabeto ; oni diris : « Anstataŭ ol proksimigi la blindulon al lia vidanta frato, tia skribmaniero estas inter ili vera barilo. » Al tio, la genia eltrovinto, subtenata de multaj el siaj blindaj fratoj respondis tutprave : « Neniam ni povos legi la skribaĵon kaj presaĵon de l'viduloj ; nur grandpene ni povas silabi reliefan imitaĵon de ĝi, kaj tute ne povas ĝin skribi. Per tia difektplena ilo ni ne povas trakuri kun ili ilian inteligent- scienckaj artkampon. Kontraŭe, per la punktalfabeto ni kuros, se laŭ malsimila vojo, tiel rapide, kiel ili, kaj ilin retrovos ĉe la atingita celo ».

La Woluwa Blindulinstituto (tiam pliĝuste la Brusela) estas la unua, kiu oficiale akceptis la Braille'an alfabeton en la jaro 1835, dank'al klopodoj de blinda Parlamentano Aleksandro Rodenbach, kunlerninto de Braille. En 1840, ĝin akceptis ankaŭ la Pariza instituto, kie Ludoviko Braille estis tiam profesoro ; iom post iom, la franclandaj institutoj imitis la ekzemplon de la ĉefurba, kaj nuntempe, en preskaŭ ĉiuj landoj de l'mondo, la alfabeto Braille sukcesis forpuŝi la diverslokajn skribmanierojn.

La praktikaj rezultatoj de tiu, ŝajne malgrava, eltrovaĵo, estas mirindaj ; la blindulo legas tiel rapide, kiel ni, kaj skribas preskaŭ tiel rapide ; en ĉiuj landoj ekzistas braillepresiloj, kiuj produktas ĉiujare multmilojn da libroj ; multaj revuoj regule eliras ĉiumonate, kaj kelkaj, ĉiusemajne ; granda aro da bonkoraj sinjorinoj en multe da mondlokoj, lernis la alfabeton kaj kopias por la blindulbibliotekoj milojn da literatur-kaj scienc-verkaĵojn ; la braille - skribo ege faciligas ne nur la sciencan kaj literaturan studon sed ankaŭ la muzikan kaj aritmetikan. En preskaŭ ĉiuj fakoj la institutoj produktis dum la pasinta jarcento grandnombron da blindaj eminentuloj, kaj tio incitis ĉu la ŝtatestrojn, ĉu privatajn personojn aŭ societojn prizorgi la instruadon kaj edukadon de la ĉiulanda blindularo.

La sistemo de Valentin Haüi montris al la mondo la eblecon redoni per instruado kaj edukado la blindulon al la homsocieto ; la sistemo de lia lernanto Braille efektivigis tiun eblecon laŭ maniero mirinda, ne antaŭvidita. Al ni, la daŭrigantoj de ilia laboro, la evoluigantoj de ilia kreitaĵo, ĉiam estos karaj iliaj nomoj ; kaj, en tiu jubilejaro ni ilin proponas al la danko de la blinduloj, al la miro de l'mondo.

(Daŭrigota). fr° IZIDORO,

profesoro ĉe la Reĝa Blindulinstituto de Woluwe (Bruselo).

## *Notinda Atesto.*

En la bela hispana revuo: « La Revista Chilena de Historia Natural » eldonata en Santiago de Chili, D[ro] E. Fraga enpresas pri Esperanto la jenajn liniojn, kiujn ni tradukis:

Estas nova ideo kiu, kiel la religio de Kristo, predikas amon de la unuj al la aliaj, universalan pacon kaj internacian fratecon.

La diverslingvajn popolojn unuigos komuna ligilo, potenca, neatakebla: la internacia helpa lingvo Esperanto. Estas lingvo tre facila, logika, fleksebla kaj belsona, kiu estas uzebla por la komercaj kaj sciencaj rilatoj kaj ankaŭ por la poezio.

La Esperantista Scienca Asocio, kies sidejo estas en Ĝenevo, sin nune okupas pri la unuformigo de la teknikaj terminoj pri kimio, fiziko kaj zoologio.

La komerco tre aprobas la profitojn de internacia lingvo kaj la esperanta poezio ĉiutage pliriĉiĝas per belaj kaj novaj verkajoj.

La kongreso de Cambridge kaj la lasta kongreso en Dresden, kies alta protektanto estis la Saksa Reĝo, sciigis al la mondo ke la internacia lingvo, la granda dezirajo de l'homaro ne estas fantazia produktajo, sed ke ĝi estas bela efektivigitajo. Dekkvincent kongresanoj parolantaj sume kvardek diversajn lingvojn, interkomprenis sin per unu idiomo, komuna al ĉiuj.

Ĉio tio estus eksterordinara se ĝi ne estis rezultajo de konstantaj penadoj de homoj, kiuj, kiel D[ro] Zamenhof kaj la estroj de l'Esperantismo dediĉis sian tutan vivtempon al la efektivigo de la plej homama el ĉiuj idealoj.

La afero estas granda kaj nobla; tial estas ke ĉiutage la progresoj prigrandiĝas, varbantaj ĉiam miloj da adeptoj.

Unu nura pruvo sufiĉas, ĝi tiel konvinkas ke ĝi tute ne bezonas komentariojn. En 1904 ekzistis 116 esperantistaj societoj; en 1905 ili estis 188; en 1906, 407; en 1907 oni kalkulis 639 tiajn societojn; kaj en Aŭgusto 1908 la nombro de la grupoj atingis 1057.

---

# Malnovaj belgaj kutimoj

## La karnavalo de Benŝo (Binche)

---

Binche (elp.: Benŝ), koketa urbeto de 12.000 loĝantoj, en la provinco Henegaŭo (Hainaut), kuŝas en ĉarma regiono, plibeligita de multaj kasteloj kaj kampodomoj. Oni rimarkas tie precipe la malnovan preĝejon de S-ta Ursmer kaj la urbdomon, kiu havas antikvan alarmturon kun gaja sonorilaro. La antikvaj remparoj estas restarigitaj, sed de la kastelo, kiu iam estis la restadejo de la regnejestroj, restas nur la ekstera muro kaj

la subajoj de la turegoj. Iam la Benŝ'a punto estis fama, nune la loka industrio estas la fabrikado de ŝuoj kaj vestaĵoj. La urbo estas riĉa en historiaj rememoraĵoj.

---

La Benŝ'a karnavalo havas sian devenon en la grandaj festoj, kiujn donis dum la jaro 1540 en sia kastelo de Benŝ'o, la guberniestrino de la Nederlandoj (Nederlanden-Pays Bas), fratino de la imperiestro Karolo la kvina. Tiuj festoj okazis por glori la de PIZARRO faritan almilitadon de Perujo ; la korteguloj alivestiĝis per belaj plumoj ; la tiamaj Benŝanoj, kies karaktero estas tre gaja, decidis tion imiti okaze de la sekvonta karnavala mardo. Tiu kutimo daŭriĝas ĝis en la nuna tempo, kaj formas karakterizan spektaklon kiu altiras en la urbon de la « Ĵiloj » (Gilles) grandan aron da vidvoluloj.

La karnavala mardo estas festita en Benŝ'o kun brilo kiu nenion estas envionta al tiu de la famaj karnavaloj de Romo, Venezio kaj Nico. De la mateno de la «granda tago», vagonaroj intersekvas seninterrompe, kiuj enkondukas en la gajan urbon alfluon da maskiĝintoj kaj vidvoluloj, tuj miksiĝantaj en ian premadon de la societoj kaj grupoj kiuj trapromenadas la ĉefajn vojojn de la urbo.

Tiuj multkoloraj bandoj kruciĝas, intervokas, interŝanĝas spritaĵojn per ĉarma gajeco kaj koreco. Landsinjoroj el la tempo de Ludoviko XVa, Veneziaj muskedistoj, spahioj, Ludoviko-XVaj lakeoj, ĉiuj dancas antaŭ siaj orkestroj, kiuj ludas popolajn ariojn aŭ muzikaĵojn konformajn je la epokaj aŭ la gildoj kiujn iliaj societanoj riprezentas. Tamburado, akompanita je takta bruo de sonoriletoj, alproksimiĝas kaj kovras la sonon de la muzikoj kiuj ludas tra la tuta urbo.

Estas la « Ĵiloj » kiuj faras sian mateneliradon en malgranda uniformo. Elegante strangaj estas la Ĵiloj : je la piedoj ili haves skulptitajn lignajn ŝuojn ; ili estas vestitaj per griza kitelo kia preskaŭ malaperas sub la multegaj tre vidkaptaj ornamaĵoj : steloj, puntaj falbaloj ĉe la genuoj kaj manradikoj, puntaj strioj sur la brusto. La kitelo estas, krom tio, parte kovrita per larĝa manteleto lukse puntornamita kaj orfranĝita. La zono portas sonoriletojn ; fine, vaksa masko kompletigas tiun strangegan ornamaĵon – En malgranda uniformo, la Ĵilo ne surmetas la ĉapelon, la ĉefan parton de sia kostumo. Estas speco de tiaro farita el pasamento kaj orbrodaĵoj, kaj superigita per grandegaj diverskoloraj strutplumoj. Longaj rubandoj samkoloraj kiel la plumoj formas ĉe tiu stranga kasko kiel ondolinian kolhararon. Tiu ĉapelo kostas multajn centojn da frankoj. Oni ĝin surmetas por la granda elirado kiu okazas je la dua.

Intertempe, la stratoj fariĝas rilate kvietaj ; ĉirkaŭ la gasttabloj ordiĝas gajaj kunmanĝantoj, kaj oni bone manĝadas atendante la solenan horon de la petolaj saltadoj.

La « Jilo » estas la heroo de la tago ; lia nekontraŭdirebla supereco inspiras ian respekton. Ĉar fariĝi « Ĵilo » ne estas maldelikata plezuro : estas plivole morala kontentiĝo. La Ĵilo ja eternigas tradicion de multaj jarcentoj ; lia rolo estas detale reguligita per la kutimoj : eleganta tualeto, nobla sintenado kaj memrespekto ; li estas kavaliro, karnavala, kompreneble, sed « sen riproĉoj ». Ĉiu Ĵilo havas sian lakeon, kiu portas la oranĝojn kaj rebonigas la malgrandajn malordaĵojn de lia tualeto.

Sed jen oni aliras amase al la Granda Placo. Grandega homamaso direktiĝas al la Brusela pordego. Miloj da maskiĝintoj sin interpremas sur la placo de Battignies kaj en la najbaraj stratoj. Dekses societoj, ĉiuj akompanataj de orkestro, lokiĝas laŭ antaŭdifinita regularo.

Skabeno, ege bonmaniera, tie troviĝas : kun rimarkinda delikateco kaj diskreteco, li prizorgas la regulan formadon de la sekvantaro. La lokaj policestro kaj policanoj, la ĝendarmoj kaj la organizintoj rajtas ricevi la plej bonajn gratulojn. La homamaso malfermas siajn vicojn, kaj la sekvantaro antaŭeniras al la Granda Placo.

La Benŝaj « Spahioj » malfermas la marŝadon, sekvataj de la « Gajaj Petoluloj » (Gais Lurons) el Ressaix ; de la lernantoj de la Benŝa kolegio, kiel « Ludoviko XVaj Landsinjoroj »; de la Jeumont'aj « Zuavoj » el Jeumont (Franca societo); de « Veneziaj nobeloj » el Benŝ'o ; de la « Braina Junularo » el Braine-le-Comte ; de Benŝ'aj « Muskedistoj », de la « Muzika kaj teatra klubo » el Hal ; de « lakeoj Ludoviko XVaj » kaj « Kamparanoj » el Benŝ'o : koketaj kamparanoj, kun blanka pantalono, blua kitelo, gantoj, atlasa ĉapelo ornamita per perloj, plumoj kaj ondiĝantaj rubandoj. Fine, 126 Ĵiloj en kvar societoj fermas la marŝadon. Ilia riĉa plumaro superregas el la malproksimeco la multkoloran ondegon.

La sekvantaro alvenas ĉe la Granda Placo jam obstrukciita je homoj : kafejoj, magazenoj, privataj domoj, balkonoj, ĉio pleniĝas ; oni sin premas por lasi la vojon por la Ĵiloj. La tradicia ronddanco sin organizas en la mezo ; la dekses orkestroj kuniĝas ; sub ununura direktado, ili ludas kelkajn plejŝatatajn muzikaĵojn. Tiela ludado superas la bruegon.

Unue la ario de la « Dudu » Popola kanto de Mons'o (Mons), ĉefurbo de la provinco Henegaŭ'o (Hainaut)—, delikata ĝentilaĵo por la multnombraj ĉeestantaj Monsaj amikoj. Kia belega gajeco ! Tridek mil personoj ĉiurangaj kaj situaciaj dancas, allogitaj per tiu neimagebla viveco. Post la « Dudu » oni ludas lokan arion, « la Benŝ'a junulo », je l'intenco de la Benŝ'a junularo, kiu tiel sindone penadas por la sukceso de sia karnavalo. Fine la ario de la Ĵiloj, je l'honoro de la kavaliroj de tiu tago. Je tiu momento la deliro estas la plej ega.

La urbestraro ĉeestas, la urbestro antaŭe. L'antikva kaj eleganta urbdomo, la hoteloj de la Granda Placo, la homplenigitaj balkonoj, formas imponantan kadron.

Tiam la urbestraro akceptas la societanojn, kaj prezentas al ili la honorvinon. Poste la societoj disiĝas en la stratoj, sekvataj de la homamaso. Fenestroj kaj fenestregoj estas proviziitaj per protektantaj plektajoj. Pluvo da oranĝoj ekfalas sur la balkonoj. Ĉie maskoj kaj alivestajoj, plejofte elegantaj : silko, atlaso, veluro ; ĉie muzikoj, dancoj, saltadoj ; ĉie precipe sincera kaj honesta gajeco.

La lumingosekvantaro estas anoncita por la sepa ; ĝi estas same ordigita kiel la unua, nur la lumigado estas plie. Centoj da junuloj kiuj portas lumingon kun bengala lumo, intersekvas, post interspaco de unu metro, en duoblaj vicoj laŭlonge de la tuta sekvantaro. La samaj aŭtoritatuloj, ne forlasintaj la lokon, prigardas la bonon ordon, ĉiam je la sama zorgemeco kaj diskreteco.

Sama preterirado, sama ronddanco sur la Granda Placo. Elektrikaj radioj, elirantaj el diversaj punktoj, estas projektataj sur la grupoj. Bengallumingoj, elektrikaj arklampoj, projekcioj, ĉio estas farita por doni al tiu trairado kiel eble plej grandan brilon. La gajeco estas grandega, la spektaklo magia.

Ŝajnas teatra apoteozo ludita de tridek mil figurantoj sur teatro kiu mezuras kilometron da amplekso.

(Kun afabla permeso de la aŭtoro, el la interesa libro « le Hainaut pittoresque, par F. ALEXIS-M. G.

Esperantigis **Maria POSENAER.**

---

# ESPERANTO FACILA

## PRI PARTICIPOJ

De la apero de sia artikolo pri la akuzativa *n*, (Vidu « Belga Esperantisto » de lasta Aprilo) la *skribinto* (A) ricevis multajn leterojn kun la peto, praktike klarigi tie ĉi la malsamecon inter la participoj *finiĝantaj* (B) per *o*, *a*, *e*.

*Ricevinte* (C) tiajn demandojn, li estas tute *konvinkita* (B) pri la malutileco enkonduki ankoraŭ pli da malfacilajoj en nian lingvon, eĉ por pliklarigi la sencon.

Por kompreni la *sekvontajn* (B) klarigojn, la *legantoj* (A) devas nepre scii, kia estas la malsameco inter la aktivaj kaj la pasivaj formoj de la participoj, ankaŭ inter la tri ĉefaj tempoj.

AKTIVAJ FORMOJ :

| | Substantiva finaĵo | Adjektiva finaĵo | Adverba finaĵo |
|---|---|---|---|
| Estanteco : | anto | anta | ante |
| Estinteco : | into | inta | inte |
| Estonteco : | onto | onta | onte |

PASIVAJ FORMOJ :

| | | | |
|---|---|---|---|
| Estanteco : | ato | ata | ate |
| Estinteco : | ito | ita | ite |
| Estonteco : | oto | ota | ote |

***

A. La participoj finiĝantaj (B) per *o*.

Tiuj ĉi *estante* (C) ĉiam substantivoj, nenia malfacilaĵo povas ekzisti pri ilia uzado. Ekzemple :

La *skribinto* (A) ricevis... (vidu ĉi supre). — Rigardu ! en tiu festmanĝo estas 200 *partoprenantoj* (A) ; mi ne deziras esti la *pagonto* (A) de tiu ĉi festeno. — La *mortigito* (A) jam estas *enterigita* (B).

Pliege atente oni devas konsideri la diferencon inter la du aliaj participaj formoj.

***

B. La participoj finiĝantaj (B) per *a*,

Tiuj ĉi havas la valoron de ordinaraj adjektivoj, kiel : bela, granda, blua, dika, k. t. p.

Mi estas *lacigita* (B) de tiu spektaklo... esprimas kvazaŭ la saman ideon al : mi estas *laca* (adj !) pro tiu spektaklo.

Nu, *uzante* (C) « *estas* », oni ne povas erari, tiu ĉi vorto kutime *antaŭstarante* (C) la adjektivan formon.

Se la *uzataj* (B) participoj antaŭstaras substantivojn, la *uzota* (B) formo estas ankaŭ klare *montrata* (B), la participo *egalvalorante* (C) ankaŭ adjektivon, — kiel en la du unuaj adjektivoj de tiu ĉi frazo mem.

Sed, en aliaj okazoj oni devas ekzameni, ĉu oni povas anstataŭi la participon de adjektiva propozicio *komencanta* (B) per *kiu estas* (i,o) Ekz : La letero, *sendita* (kiu estis sendita) de mia amika al mi, ne estis sufiĉe *frankita* (B) — La Antverpenanoj, *veturontaj* (kiuj veturos) al Verviers haltos in Lieĝo.

***

C. La participoj finiĝantaj (B) per *e*.

Tiuj ĉi participoj estas facile koneblaj pro sia triobla karaktero :

1ᵉ ili estas neŝanĝeblaj ;

2ᵉ ili ĉiam rilatas al la subjekto de la ĉefa propozicio ;

3ᵉ ili estas anstataŭeblaj per dependa cirkonstanca propozicio *komencanta* (B) per : *dum ke, ĉar, tial ke, kiam, post* aŭ aliaj.

La lasta karakteraĵo donas al ni preciozan rimedon por distingi ĉi tiujn participojn de la duaj (B) :

*Paginte* (= post li pagis) unu frankon, la sinjoro (subjekto) havis la rajton eniri la teatron.

*Frapite* (= ĉar ĝi estis frapita) de la infano, la hundo (subjekto) ne volis plu reveni.

*Legante* (= dum vi legas) tiun kanton, vi (subjekto) forgesas vian malfeliĉon.

* * *

Rimarku !

Tre ofte la uzo de la du formoj B kaj C estas ebla, sed kun malsamaj sencoj. Ekz :

La malriĉulo, *laboranta* (B) la tutan tagon havas nek tempon nek monon por vojaĝi (= kiu laboras eco, kvalito).

La malriĉulo, *laborante* (C) la tutan k-t-p. (= ĉar li laboras = kaŭzo).

* * *

Por ekzerci sin, oni povas apliki de nun la *donitajn* (B) konsilojn pri ĉiuj frazoj de tiu ĉi artikolo, kie la 3 participaj formoj estas ĉiam *montrataj* (B) per la literoj A, B, C.

Tamen, oni ne forgesu ke en la ĉiutaga interparolado kaj korespondado, la plej praktika regulo estas eviti tiujn formojn laŭeble kaj analizi la ideon, t. e. uzi unu el la tri simplaj ĉefaj tempoj : estanto, estinto aŭ estonto.

| Anstataŭ ol diri : | Diru simple : |
| --- | --- |
| Mi rekontis amikon de longe ne *viditan* (B). *Aŭdinte* (C) ian bruon... *Vizitinte* (C) mian fraton, mi iris al la hejmo de mia fratino. | Mi renkontis amikon, kiun mi ne vidis de longe. Ĉar mi aŭdis ian bruon... Post mi vizitis mian fraton, mi iris al la hejmo de mia fratino. |

Skaldo.

# LA ĈAMBRA ĈASO.

Laŭ J. v. Oosterwijk Bruijn Trad : Dreves Uitterdijk.

Nobelido, ĉasisto en sia kor'
Al sia dolor'
Tre inda estis plendi,
Ĉar siajn arbarojn kaj sia kastel'
Ho justa ĉiel'
Li devis ilin vendi.

Sed por lia koro la plej grava vund'
Sian bravan hund'
Kaj laŭtan ĉasan kornon,
Li prenis urbon kun si for
Por lasta trezor'
Jen li hejtos sian fornon.

Jen legis li ĝoje en strato ie ;
„Luebla ĉi tie
Meblita apartemento,"
Kaj tuj li estis decidint'
Tion vidint'
Jen vivi en silento.

Kaj jen, la ĉambro kien venis
Kaj loĝon li prenis,
Ekscitis liajn nervojn ;
La muroj kovritaj per granda ĉas',
Ĉasisto amas'
Kun hundoj kaj kun cervoj !

Suprizo redonis koloron de sango
Al lia vango,
La okazon ne povis li lasi,
Kaj en lia brusto aperis deziro
Kun forta eniro
Por ree gaje ĉasi.

Kaj kun sia hund' li trakuris galope
La ĉambron duope
Dum laŭte la kornon li blovis
Kaj pensis ĉasi en arbar'.
Kriegis, ĉar
La ĉasamuzon trovis.

Kaj lia fidela kvarpieda amik'
Komencis fortik',
Kontraŭ la cervoj boji
Kaj ĝia mastro incitis ĝin
Por des pli sin
Per ĉasplezuro ĝoji.

Sed el la ĉambro estant' super li
Resonis kri' :
» Ĉu volas vi silenti ?
Ve, via bruego min igos frenez'
Do estu komplez'
Kaj ĉesu min turmenti ? »

Sed nea respondo de l' brav' nimrodid'
Rifuza decid'
« La plezuron ne volas mi lasi
En propra salono ĉia foj'
Kun ena ĝoj,
Kaj sen malhelpo ĉasi !»

Li ree ripetis laŭtan brueg'
Kaj la hundeg'
Transsaltis eĉ la seĝojn.
Entuziasmo en la kor'
Lin vipis for
Sen sekvi domajn leĝojn.

Sed tra la fendoj de l' plafon'
Jam tre malbon'
Li sentas fali guton
De akvo kiu iras tra
Kaj kreskas ja,
Dronigos eĉ la tuton.

« Vi ĉesu !» li supren kriegas koler.'
«De mia mebler'
« Nenio seka restas
« Ĉu superplafone de mia loĝejo
«Sin trovas banejo ?
« Mi malsekega estas !»

Li vane grumblis, furioze juris,
La akvo kuris
Sen povi ĝin eviti.
Kaj ĉar ĉian provon senfrukte li vidis
Li tial decidis
La superloĝanton viziti.

Mirego,— jen estas sur planko fendita
Mareto jetita,
De tiu ĉi pluvo la fonto.
La najbaro tamen, sur tablo sidant'
Kaj tie estant'
Savita sur alta monto.

Trankvile li sidas kun fiŝkapta ŝnur'
Kaj respondis nur :
«La plezuron ne volas mi lasi.
« En propra salon' estas liberaj ni.
« Fiŝkaptu mi . . . .
« Vi ree ja iru nun ĉasi !»

(HILVERSUM)



# Humoraĵoj[1]

### Ne Sola

— Ĉu vi sola veturos al la marbanurbo, Sinjorino?

— Ne, mi kunprenos la ĉambristinon, du servistojn, la nutristinon kun la infanoj, miajn hundojn kaj katinojn kaj — mian edzon.

### Ne atendita respondo

Fianĉemulo : Bonvolu diri al mi, Sinjoro, ĉu la mano de via estimata filino estas libera?

Estonta bopatro : Kaj la via, ĉu ĝi ankaŭ estas libera?

— Jes!

— Nu, do prenu per tiu mano vian ĉapelon kaj iru for.

### Moderna

Kuracato .— Ho kiele mi povos iam recompenci vian penadon?

Kuracisto .— Ho! ne zorgu pri tio : ĉeko, kontanta mono aŭ mandato estas nepre indeferentaj.

(1) El la lasta numero de « la Spritulo », tre rekomendinda gazeto por serĉo, humoro kaj satiro. (*Oni vidu la 4an paĝon de la kovrilo*)

---

# PROBLEMOJ[1]

1 — Vortoj kreskantaj kaj malkreskantaj : Vokalo-Nomo de litero — Pli ol sufiĉe — Mordetanta besto — Filo de mia patrino — Ago — Kolekto — Metalo (radiko) — Konsonanto.

2 — Vortoj triangulaj.

Kiu havas filon — Kontinento — Pronomo — Nomo de litero — Vokalo.

3 — Fantaziajeto —

Prenu koron de alidado — kapon de iluziito — voston de pavo : Konvene miksu tiujn tri erojn : vi trovos vorton, kiun vi zorge skribos per grandliteroj. Tamen ĝi ne estas nomo de ĉiupova kreinto!

PLANTANO.

(1) Oni sendu la solvojn antaŭ la 15a de Septembro al Sro **Fr. Schoofs**. sekretario de la Redakcio 49, Kleine Beerstraat. Antwerpen (49, rue de la Pte Ourse, Anvers). Prefere skribitajn sur poŝta karto. Oni povas ankaŭ sendi la solvojn de la antaŭe aperintaj problemoj.

En la lasta numero de la 1a jarkolekto ni publikigos la nomojn de la solvintoj. Oni povas respondi pseŭdonime.

Belaj premioj estos aljuĝataj.

# DIVERSAJ INFORMOJ

La **Belga Adresaro Esperantista** estas presata !

Post kelkaj semajnoj ĝi estos aĉetebla.

La enhavo de nia adresaro konsistas el :

1e malgranda antaŭparolo ;

2e la historio de Esperanto en Belgujo ;

3e la regularo de la Belga Ligo Esperantista ;

4e kelkaj vortoj pri « Belga Esperantisto » ;

5e sciigoj pri ĉiuj belgaj ligo, grupoj, Societoj, gastotabloj, konsuloj k. t. p. ;

6e nomaro de la belgaj esperantistoj blindaj ;

7e ĝenerala nomaro de pli ol 3000 belgaj samideanoj ;

8e la tutmonda Esperantista gazetara listo :

Ni esperas ke ĉiuj la belgaj amikoj subtenos tiun eldonadon mendante la adreslibron. Tiele ili iom rekompencos la gravan laboron kiun postulis la kunmetado de unua tia eldonaĵo. Ĉiu mendu do jam de nun la adresaron (Fr. 0.50 — Eksterlande : Fr. 0.60 = Sm. 0.24) ĉe la Centra Esperantista Belga Oficejo, Antverpeno.

**Tre Grava Sciigo.** Al la Esperantistaj farmaciistoj de la tuta mondo:

*Karaj Kunfratoj,*

Dum la Kvara Esperanta Internacia Kongreso en Dresdeno, kelkaj farmaciistoj, el diversaj landoj tie kunvenintaj, decidis starigi la Internacian Esperantistan Farmaciistan Asocion (I. E. F. A.) La ĉeestintoj, kaj ankaŭ kelkaj aliaj farmaciistoj aliĝintaj dum la nuna jaro, decidis ke ĝenerala kunveno de I. E. F. A. okazos en Barcelono dum la Kvina Internacia Esperantista Kongreso.

Interkomunikinte kun So Pujula y Vallès, la sindonema Prezidanto de la Barcelona Kongresa Komitato kaj kun S-o D-ro Ramon Bartomeu, Doktoro de Farmacio en Barcelono, ni jam povas sciigi ke la sekvantaj demandoj kaj temoj estos priparolataj dum tiu malgranda farmacia kongreso :

A) Raporto pri la Farmacia Kunveno en Dresdeno.

B) Esperanto kaj la Farmaciistoj (Paroladeto).

C) Verkado de la Regularo de I. E. F. A.

D) Pri la deklingva Esperanta Farmacia Vortareto (Komunikaĵo).

E) Ĉu estas necesa, utila kaj ebla la eldono de Internacia Esperanta Farmacia Revuo ? (Interdiskutado).

F) Ĉu la Apotekoj devas esti limigitaj aŭ nelimigitaj (Interdiskutado).

G) Pri kelkaj nekunigeblaj medicinaj substancoj (Komunikaĵo).

H) Pri ĝenerala reakcio de la saloj halogenidaj de fero (Komunikaĵo).

I) Utileco de la naciaj formularoj, verkitaj de la Farmaciistaj Societoj, por la uniforma preparado de la kuracistaj ordonaĵoj kaj de la medicinaj kunmetaĵoj, kies preparado ne estas enskribita en la Oficialaj Farmakopeoj. Raporto kaj pridiskutado).

J) Ĉu Farmacio devas fariĝi scienca, ĉu komerca afero ? (Interdiskutado).

Tre eble, laŭ la informoj kiujn ni ĝis nun ricevis, la « Colegio de Farmaceuticos » de Barcelono, preparos al ni oficialan akcepton. Tiu-okaze la komitato de I. E. F. A. prezentos al la « Colegio » siajn dankojn, per la diversaj naciaj lingvoj de la ĉeestantaj kunfratoj.

Ni insiste petas ĉiujn samideanajn kunfratojn kunhelpi nin, plenumante la plej eble la sekvantajn punktojn :

A) Presigi la nunan alvokon en ĉiuj esperantistoj ĵurnaloj de sia lando.

B) Presigi la nunan alvokon, en nacia lingvo tradukitan, en la diversaj farmaciaj ĵurnaloj de sia lando.

D) Propagandi nian I. E. F. A. kaj Esperantan lingvon inter la kolegoj de sia lando.

D) Ĉeesti la Barcelonan kongreson kaj tieajn farmaciajn kunvenojn, aŭ sendi al la Sekretario, O. Van Schoor, Vondelstrato, 20, Antwerpen, Belgujo, antaŭ la 1a de Septembro sian aliĝon kaj se eble raportojn, sciigojn aŭ komunikaĵojn.

E) Enskribigi sin kaj la plej grandan eblan nombron de esperantaj farmaciistoj en la I. E. F. A. La enskribo estas senpaga. Tamen oni petas ĉiujn enskribontajn pagi ĉiujare laŭvolan kotizaĵon por helpi la propagandon.

Intertempe mi restas kun kora saluto,

**Oscar Van Schoor,**
*Sekretario de I. E. F. A.*

— **Alvoko al la diamantistoj !** — Laŭ la ekzemplo de aliaj samprofesianaroj, kelkaj personoj de la diamantindustrio fondis la

*Universalan Esperantan Diamantistan Asocion.*

Ĉiuj esperantistaj diamantistoj estas petataj aliĝi al tiu societo kiu celas favorigi la rilatojn inter la tutmonda diamantistaro, konigi labormetodon ĉiulande, traduki la multnombrajn specialajn vortojn teknikajn de la industrio.

Se la aliĝontoj estas sufiĉnombraj ni eldonos Esperantistan revuon pri la diamantindustrio.

Mi petas la diverslandajn sammetianojn tuj sendi sian aliĝon al mi, aldonante la adresojn de aliaj esperantistaj kunfratoj kiujn ili konas.

Ili ankaŭ estas petataj traduki nunan informon en nacian lingvon kaj ĝin sendi al la loka metia ĵurnalaro.

La membreco de la nova asocio estas senpaga, tamen, laŭvole ĉiu asociano povas mone helpi la progresadon de nia entrepreno.

Oni sendu ĉiujn komunikaĵojn al

**Marius Roe,**
Kruger Placo, 23,
Antwerpen.

**Interŝanĝo de geinstruistoj.** — La plej nova numero de « Internacia Pedagogia Revuo », la oficiala organo de « Internacia Asocio de instruistoj » publikigis interesan kaj tre facile realigeblan proponon de Th. Ĉejka, laŭ kiu diverslandaj geinstruistoj povas pasigi sian libertempon aŭ parton de ĝi ĉe siaj fremdaj gekolegoj, preskaŭ tute senpage, pagante nur la veturkoston tien kaj reen. La propono klare montras, kiel oni povas praktike uzi Esperanton por studi la diversajn instrusistemojn, la manieron de vivado k. t. p. en landoj, kies lingvon ni tute ne scias kaj ne bezonas scii.

Ke la propono ne nur estas pure teoria montras klare la fakto, ke jam kelkaj esperantistaj instruistoj pasigis kelkan tempon ĉe alilandaj kunfratoj.

Ni vokas la atenton de la instruistoj al tiu interŝanĝo kiu povas utili ne sole al ili profesio sed ankaŭ al Esperanto.

Ni ankaŭ konsilas al ili aliĝi la « Internacian Asocion de Instruistoj » kies oficiala revuo pritraktas la plej diversajn pedagogiajn demandojn. Ni nur citas la titolon de kelkaj artikoloj de la laste aperinta numero : La novaj lernejoj, la Instruisto en Danujo, La Instruistoj en Montenegro, la Popolaj lernejoj en la norvegaj vilaĝoj, Internacia krestomatio por infanoj, k. t. p. Krom ĉi tiuj artikoloj preskaŭ la duono de la kajero estas dediĉata al pli mallongaj kaj tre interesaj notoj kaj informoj el diversaj fakoj kiuj koncernas la lernejojn aŭ instruistojn.

Oni petu informojn de S-ro Th. Ĉejka, Bystrice-Hostyn, Moravio-Aŭstrio.

— **Ekspozicio de studenta literaturo.** — Ĉe okazo de Esperanta ekspozicio, preparata tiun ĉi jaron de *I. Bohema Kongreso Esperantista*, estos elmontrita, kiel speciala sekcio, ĉio, kio rilatas la vivon studentan.

Por ke tiu ĉi entrepreno povu esti la plej brila, petas la Kongresa sekcio de « Studenta rondeto Esperantisa en Praha, Bohemujo », ke oni bonvolu sendi laŭ adreso :

S-ro *K. Kuthan, Praha II.* 516, Bohemujo, ĉion interesan, precipe ĉiulingvajn studentajn gazetojn kaj revuojn.

La organizantoj estas konvinkitaj, ke tia kolekto, ĝis nun la unua de tia speco, povos elektiviĝi per kunhelpo de ĉiuj Esperantistoj el tuta mondo.

— **Propagandista Societo.** — Al ĉiuj belgaj samideanoj ! Belgujo estas ĉiam antaŭe en la rangoj de la sciencoj, komerco kaj industrio. Estas ankaŭ necesa ke ĝi okupu bonan lokon en la fako de Esperanta propagando. Se vi tion volas, tio estos !

Kun la celo propagandi Esperanton estis fondita en Huy 31an de Majo l. la « Propagandista Societo ». Tiun societon povas aliĝi la gesamideanoj kiuj sin senpage prezentas propagandi Esperanton ĉu per paroladoj, ĉu per aliaj rimedoj.

Por ke la propaganduloj nur devu oferi sian laboron, sian bonvolon kaj iom da sia tempo la kaso de « P. S. » pagas ĉiujn elspezojn al siaj kunlaborantoj.

« P. S. » funkcias sub la aŭspicioj de la Belga Ligo Esperantista kaj ĝia prezidanto estas S-o Van der Biest-Andelhof.

Ĝi nun kalkulas 25 membrojn kaj ni petas la fervorajn esperantistojn belgajn ke ili helpu nin en nia tasko.

Ĉiuj la samideanoj povas helpi nin ĉu subtenante nian kason, ĉu aniĝante, kiel parolanto aŭ kiel propagandisto per aliaj rimedoj.

Ĉiuj informoj estos plezure sendataj de

Fernand Wambacq,
Ĝenerala Sekretario de « P. S. »
*Mont St André* (Brabant).

Li ankaŭ rikoltas la aliĝojn de la novaj membroj.

La regularo estos sendata al tiuj, kiuj ĝin deziras.

**Plena Vortaro Esperanto-Esperanta** kaj **Esperanto-franca**, unua parto, aperos en la komenco de venonta Septembro. Ĝi estas verkita de D-ro Boirac, Rektoro de la Dijona Universitato, aŭtoro de Monadologio, Don Juan, Perdita kaj retrovita, la homa Radiato, k. t. p. Tiu vortaro celas prezenti ĉiujn radikvortojn troveblajn ne nur en la diversaj jam aperintaj vortaroj esperanto-naciaj, sed ankaŭ en la jam sufiĉe multaj vortaroj naciesperantaj same kiel en la teknikaj specialaj terminaroj, eĉ en la verkoj de la plej aŭtoritataj literaturistoj. Pri ĉiu grava vortradiko oni provis montri la devenon kaj veran signifon : pri kelkaj el ili la unuan proponinton, kaj ankaŭ taksi, sed laŭ persono opinio, la valoron. Apud multaj oni aldonis serion de ĉefaj devenantaj vortoj. Tiu unua parto entenos la literojn A kaj sekvantajn ĝis L. La dua kaj fina parto, kiu estos baldaŭ en presado, aperos antaŭ la fino de Decembro. La tuta libro, zorge presita sur trikolonaj paĝoj de formata in-16, estos la plej kompleta repertuaro ĝis nun eldonita, de la lingvo Esperanto. Prezo de la unua parto : 4 frankoj. — Oni povas de nun mendi skribante al la eldonisto S-ro Darantiere, presisto, rue Chabet-Charny, 65, Dijon, (Côte d'Or) Francujo.

« **The Northern Institute.** » — *Internacia Komerca Instituto* en Leeds (Anglujo), kiu envahas 300 lernantojn kaj kies direktoro estas S-ro A. C. Poiré, Vic-Konsulo de Francujo, metis Esperanton en sian tempotabelon antaŭ tri jaroj. Ĝi nun jus fondis specialan sekcion por alilanduloj kiuj deziras lerni krom la anglan lingvon, la anglajn komercajn metodojn. La instruado estas farata per la Esperanta lingvo kaj kvin specialaj profesoroj donas lecionojn ĉiutage kaj tiu speciala sekcio bonege progresas.

Oni petu informojn de So A. C. Poiré, Vic-Konsulo de Francujo, Leeds.

## Deziras korespondi :

E. Alec, 98, Elm Str., Burnley, (Britujo).

Hyman Finebloom, Wip Str. 8, Antwerpen.

Zinner Sandor, Studento, Satoraljaujhely (Hungarujo).

Karel Nisser, Studento, jungmanova tr. č. 14, Praha II.

Jos. Tscherpel, Studento, Slupi 10, Praha II.

Miroslav Slégr, Studento, Bojisk č 10, posil 4, Praha II.

F-ino Julie Supichova, Instruistino, Cerveny Kostelec, Bohemujo.

**Asekurado** : So Edouard Bernard de Kompanio le Nord petas pri adreso de persono — prefere asekuragento — kiu kapablas sin okupi pri fajrasekurado.

## Letero de Mgr. Giambene,

*Presita en Itala « Notizie Esperantiste »*

Pro mia eksigo el la agema propagando de Esperanto, disvastiĝis inter la Esperantistoj kaj inter iliaj malamikoj la famo, ke mi estas forlasinta Esperanton por klopodi pri ia lingva projekto.

Sed mi deklaras, ke nur miaj propraj okupadoj malhelpas mian daŭrigan agadon por la disvastigado de Esperanto, kaj tion mi tre bedaŭras, ĉar mi estas ĉiam *Esperantisto konvinkita*, kaj tiel mi restos, ĝis kiam mi scios, ke alia sistemo estas pli disvastigita, ol la sistemo de Zamenhof.

Kiel pruvoj pri mia fideleco al Esperanto, mi rimarkigas mian kunlaboradon sukcesplenan por reorganizi la Roman Esperantistan Societon « Imperiosa Civitas, » kies mi estas ĉiam ano ; ankaŭ mian promeson daŭrigi en la proksima akademia jaro miajn konferencojn pri Esperanto ; kaj fine originalan verkon en la lingvo Esperanto, kiu baldaŭ elpresiĝos.

Kun estimo,

MONSINJORO LUIGI PROF. GIAMBENE.

## BELGA KRONIKO (1)

**BRUSELO. — Universala ekspozicio de Bruselo dum 1909. —** La Belga Registaro preparas, por 1910, Grandan Universalan Ekspozicion en Bruselo. En tiu Ekspozicio, speciala sekcio, pri kiu zorgas la Belga Registaro mem, estos difinita por la grandaj internaciaj asocioj kaj institucioj.

Post klopodoj faritaj de Sinjoro Generalo Sebert, je la nomo de la Esperantista Centra Oficejo, sekretariejo de la oficialaj institucioj de Esperanto, la Belga Registaro akceptis, ke la lingvo Esperanto estu prezentata, en tiu speciala sekcio de la Ekspozicio de Bruselo, kiel reprezentanto de la lingvo internacia.

Tiu prezentado de nia lingvo montros ĉiujn verkojn kaj publikaĵojn pri la instruado kaj propagando de Esperanto en ĉiuj landoj, kaj sciigojn historiajn kaj statistikajn pri la progresoj de nia afero, pri ĝia nuna stato, pri la servoj faritaj de nia lingvo kaj ĝiaj diversaj aplikoj.

**ANTVERPENO. —** La 24 an de Junio, S-ro K. Weyler, direktoro de la Urba Instituto N-ro 2, faris tre sukcesintan paroladon pri Esperanto antaŭ S-ro D-ro V. Desguin, Skabeno de la Publika Instruado kaj la perfektiga konsilantaro de la unuagrado Instruado. La parolinto proponis enkonduki Esperanton en la superajn klasojn de la Urbaj Institutoj (lernejoj por pagantaj lernantoj) kaj lia propono ricevis tiasence bonan akcepton, ke ĝi estis sendata al speciala komisio.

Ni sciigas ke tiu ĉi komisio favore raportis pri la propono de S-ro Weyler, kaj unuvoĉe decidis ĝin apogi ĉe la Urbestraro.

Tiu ĉi fakto ankoraŭ solvas la demandon, sed ĝi pruvas kiom la Antverpena instruistaro sin interesas pri nia kara lingvo. Ni esperu ke iliaj klopodoj sukcesos, kaj ke baldaŭ ni povos saluti la Antverpenan urbestraron kiel la unuan, kiu enkondukis Esperanton en la publikan instruadon.

**Antverpena Grupo Esperantista. —** La 10 an de Julio tiu ĉi vigla societo organizis intiman feston por gratuli siajn membrojn, kiuj dum la lasta ekzameno akiris la ateston pri profesora kapableco nome : F-inoj Berten, Casie kaj de Jaegher ; S-oj de Keyser, Jacobs kaj Schumacher. Multnombraj samideanoj ĉeestis tiun festan kunvenon, ĝojigitan de kantoj kaj deklamoj.

(1) La grupoj estas petataj sendi siajn informojn al la subskribinta raportanto, plej malfrue antaŭ la 5a de ĉiu monato, kaj ankaŭ la jurnalojn de sia urbo aŭ regiono, enhavantajn artikolojn pri Esperanto. Adreso : **Vondelstraat, 20, Antwerpen.**

— La 21 an de la sama monato dudeko da membroj de l'A. G. E. vizitis en Borgerhout la diamantpolurejon de S-ro J. Roe, patro de S-ro Marius Roe, prezidanto de la tiea grupo « Laboro ». La posedanto, kiu afable estis invitinta la Antverpenajn samideanojn, akceptis ilin unue en sia hejmo, kie li klarigis al ili la diversajn prilaboradojn de la kruda diamanto kaj montris al ili grandvalorajn kaj belegajn specimenojn. En la polurejo mem, ili vidis la diamantlaboristojn en plena aktiveco, dum S-roj Roe, patro kaj filo, komprenigis la intersekvajn fazojn alprenitajn de la diamanto, de ĝia nelaborita stato ĝis gia aliiĝo en rozo, brilianto, kc.

S-roj Roe havis la ĝentilan afablecon ornamigi la enirpordon de la laborejo per esperanta bonvena devizo, kaj per kvinpintaj verdaj steloj la muelilojn de la poluristoj.

Post la vizito de la fabrikejo, S-roj Roe rekondukis la esperantistojn en sia hejmo, kie, trinkante la vinon de l'amikeco, S-ro Van Schoor, dankis la amindan gastiganton kaj esprimis tutkorajn bondezirojn por la prosperado de la firmo Roe, kaj S-ro Van der Biest elparolis toaston al S-ro Marius Roe, kaj al la novfondita esperantista grupo « Laboro ».

**La Verda Stelo.** — Kun bona rezultato la someraj kursoj finiĝis : la perfranca (Prof. J. B. Istace) la 20 an de Julio ; la perflandra (Prof. : Frans Schoofs) la 29an de Julio.

La kunvenoj de « La Verda Stelo » okazas ĉiun merkredon je la 8 1/2a vespere en la aparta salono de « Zomerhof » 32 Dageraadplaats (32, Place de l'Aurore). Ĉiumerkrede je sama horo libroj de la biblioteko estas haveblaj.

**Suda Lumo.** — La sidejo de tiu societo estas de nun en la « Distillerie du Cirque », Leopold de Wael Placo, 36, kie ankaŭ okazas ĉiujaŭde la kurso.

**ARENDONK.** — La ĵurnalo *Aankondigingsblad*, aperanta en Turnhout, enhavas en sia numero de la 26a de Julio artikolon pri parolado, farita en Arendonk de S-ro Leo Heidendal. La oratoro pritraktis antaŭ tre simpatia ĉeestantaro nian karan lingvon « Esperanto » kaj sukcesis fondi grupon, kiu alprenis la nomon « la Kampina Verda Lumo ».

Sinceran bonvenon al la nova societo !

**BOOM.** — De nun la kunvenoj de la Boom'a grupo okazas la 1an kaj 3an merkredon de ĉiu monato.

La gastotablo, okazanta en speciala salono de la trinkejo « Groot Schippershuis » estas multnombre kaj regule ĉeestata. Dum la kunveno de la 7a de Julio, la sekretario, S-ro C. Babilon, legis detalplenan Esperantan raporton pri la Verviers'a Kongreso kaj finiĝante faris alvokon al siaj gegrupanoj por ke kelkaj el ili kunlaboru al la sukceso de la venonta kongreso en Brugge, partoprenante en la koncerto. Li prave faris tiun alvokon : ni ja konas inter la Boomaj amikoj multajn lertajn muzikartistojn.

**BORGERHOUT.** — La juna Grupo « Laboro » preparas efikan propagandon. Ĝi demandis kaj obtenis de la komunuma estraro ĉambregon lernejan por doni la esperantan kurson.

**BRUĜO. — Lia Moŝto, S-RO BARONO RUZETTE-VAN CALOEN-DE BASSEGHEM, PROVINCESTRO DE LA OKCIDENTA FLANDRO, akceptis la honoran prezidantecon de la BRUĜA GRUPO ESPERANTISTA.**

Nia lerta kaj nelacebla amiko S-ro A. J. Witteryck, prezidanto de la Bruĝa Grupo, publikigis antaŭ nelonge bonegan libreton pri Esperanto. En sia venonta numero, B. E. enhavos recenzon pri tiu interesa verko.

**BRUSELO.** — La novstarigita grupo « Esperanta Pioniro » bone prosperas. Ĝi kunvenas ĉiusabate en la sidejo de la « Cercle Polyglotte », strato Ravenstein. Ĝi tute estas nedependa de tiu societo, al kiu tamen ĉiuj membroj devas aliĝi.

La grupo organizis kurson, instruatan de S-ro G. Blaise ; ĝi interkorespondas kun (ĝis nun 22) fremdlandaj societoj.

« Esperanta Pioniro » ricevis de D-ro Zamenhof tre simpatian kaj kuraĝigan leteron.

Esperantistoj de Bruselo kaj de ĝiaj antaŭurboj, aliĝu al la nova grupo !

**LIEĜO.** — La grupo « Verda Stelo » komencas prosperi. Ĝi decidis peti sian aliĝon al la Belga Ligo Esperantista kaj ĝi organizos kurson pri Esperanto dum la libertempo.

Oscar Van Schoor.

## Het Esperanto in den Vreemde

**Algemeene beweging.** — « Pola Esperantisto » bevat in zijn Juli - Augustinummer een zeer lezenswaard artikel van Adam Zakrzewski over de esperantische beweging der twintig laatste jaren. In 1888 werd te Nürnberg de eerste esperantische vereeniging gesticht ; in 1889 bestonden 3 groepen ; — in 1891, 10 ; — in 1892, 14 ; — in 1893, 13 ; — in 1894, 18 ; — in 1895, 17 ; — in 1696, 23 ; — in 1897 29 ; in 1898, 36. Voor 1899 en 1900 ontbreken de inlichtingen. In 1901 daalt het getal tot 18. Verder heeft men : In 1902, 38 groepen ; — in 1903, 107 ; — in 1904, 188 ; — in 1905, 306 ; — in 1906, 482 ; — in 1907, 753 ; — in 1908, 1244 ; — in 1909 (einde Mei) 1498.

Aan het hoofd der landen, die het grootste getal leden hebben staat Frankrijk met 233 maatschappijen. Verder volgen : Duitschland (192), Vereenigde Staten (191), Britsche eilanden (188), Spanje (99), Zwitserland (56), België (46), Bohemen (45).

**BRITISCHE EILANDEN.** — Een schitterende bijval heeft 't nationaal congres der Engelsche esperantisten bekroond, dat van 29 Mei tot 1 Juni te Leeds heeft plaats gehad. Meer dan 1200 esperantisten hebben deze vergadering bijgewoond, die in het land een grooten indruk heeft verwekt. De inrichting van dit congres strekt vooral den heer Fernand Maréchal, voorzitter der plaatselijke groep ter eer. Schitterende feesten en aangename uitstapjes hebben het congres opgeluisterd, waarvan een zeer belangrijk verslag is verschenen (Engelsch-Esperanto) in het dagblad « Yorkshire Post ». Ook « British Esperantist » wijdt aan het congres een zeer lezenswaard artikel, geteekend W.W.Mann en eindigende met de volgende bewoordingen : « Laten wij niet onzinnig onzen tijd verliezen met *over* onze taal te redetwisten, maar laten wij *ze gebruiken* en *verspreiden*.

— Even schitterend slaagde het congres der Schotsche esperantisten hetwelk op 12 Juni te Perth gehouden werd en dat meer dan 200 deelnemers telde. Het congres werd geopend door den Opperburgemeester Lord Cuthbert, bijgestaan door vele voorname overheidspersonen der stad. Het hoofddoel was het stichten van een landelijk Schotschen bond. De gemeenteraad had den congresleden een feestmaal aangeboden ; 's avonds had een prachtig concert plaats. In de Anglikaansche kerk had men een goddelijken dienst ingericht, waar Pastor Pages in het Esperanto predikte. Het congres van 1910 zal te Glasgow plaats hebben.

## L'Espéranto à l'étranger

**Mouvement général.** — « Pola Esperantisto » publie dans son numéro de juillet-août un article très intéressant, signé Adam Zakrzewski au sujet du mouvement espérantiste pendant les vingt dernières années. En 1888 fut fondée à Nuremburg la première Association espérantiste ; en 1889 il y avait trois groupes; en 1891, 10 ; — en 1892, 14 ; — en 1893, 13 ; — en 1894, 18 ; — en 1895, 17 ; — en 1896, 23 ; — en 1897, 29 ; — en 1898, 36, Pour 1899 et 1900 les données manquent. En 1901 le chiffre tombe à 18. Ensuite on eut : en 1902, 38 groupes ; — en 1903, 107 ; en 1904, 188 ; — en 1905, 306 ; — en 1906, 482 ; — en 1907, 753 ; — en 1908 1244 ; — en 1909 (fin mai) 1498.

A la tête des pays qui possèdent le plus grand nombre des groupes viennent la France avec 233 sociétés, l'Allemagne (192), les Etats Unis (191), les Iles Britanniques (188), l'Espagne (99), la Suisse (56), la Belgique (46) la Bohême (45).

**ILES BRITANNIQUES.** — Un succès brillant a couronné le Congrès national des Espérantistes Anglais qui eut lieu à Leeds du 29 mai au 1 juin. Plus de 1200 espérantistes ont assisté à cette réunion qui a produit dans le pays tout entier une grande impression. L'organisation de ce congrès porte honneur surtout à Monsieur Fernand Maréchal, le président du groupe local. De brillantes fêtes et d'agréables excursions ont agrémenté ce congrès dont un rapport très important a paru (Anglais-Esperanto) dans le journal « Yorkshire Post ». Le « British Esperantist » lui aussi consacre au congrès un article très intéressant signé W. W. Mann, se terminant par les mots suivants : « Ne perdons point d'une façon insensée notre temps à discuter *au sujet de notre langue : employons* notre langue et *répandons* la.

— Un égal succès fut obtenu par le congrès des Espérantistes Ecossais qui eut lieu le 12 juin à Perth et qui compta plus de 300 participants. Le congrès fut ouvert par le Lord Maire Lord Cuthbert assisté de beaucoup d'autorités de la ville. Le but principal était la fondation d'une ligue régionale Ecossaise. Le conseil communal avait offert un banquet aux congressistes ; le soir eut lieu un brillant concert. Dans le temple protestant eut lieu un service divin, au cours duquel le Pasteur Pages prêcha en Esperanto. Le congrès de 1910 aura lieu à Glasgow.

— In Edinburg heeft een zeer belangrijke vergadering plaats gehad om Esperanto in te voeren bij de christelijke geloofszendingen. Men haalt het geval aan van eenen missionris die in Zululand Esperanto aangeleerd heeft aan een dertigtal kinderen van beide geslachten.

— De mededeelingen van onze Londensche briefwisselaarster, Mej. Ad. S., vermelden verder een welgelukt feest dat in Mei door de Londensche groep werd ingericht, — feesten te Brighton, gegeven door de groep « La Vagabondoj»,—den voortdurenden bijval van den heer Harrison-Hill, die door zijn esperantische liederen propaganda heeft, gemaakt in de vrijmetselaarsloge « Royal York of Perseverance » en in den bond der oud-leerlingen van de school St-Olave.

— Van groote beteekenis is ook geweest de Esperantodag ( 17. Juli ) ter gelegenheid der groote tentoonstelling White City, te Londen, in de omheining Shepherds Bush. Een prachtig vuurwerk eindigde het feest, waar vooral het « bouquet » voorstellende het portret van D-r Zamenhof veel effekt heeft gemaakt.

**DUITSCHLAND.** Het IV$^{e}$ nationaal congres der Duitsche esperantisten, hetwelk van 21.-23. Mei te Gotha heeft plaats gehad, is zeer belangrijk geweest. Meldenswaard is het officieel karakter dat aan het congres werd gegeven door het hooge beschermheerschap van Z. D. H. Karel-Edward, hertog van Saksen-Koburg-Gotha en de tegenwoordigheid van D$^{r}$ Richter, staatsminister, die een warm pleidooi ten gunste van het Esperanto heeft uitgesproken. Prachtige uitstapjes hebben ter gelegenheid van het congres plaats gehad o. a. naar Weimar en naar Eisenach. Op 24 Mei werden de esperantisten ontvangen te Chemnitz door de plaatselijke groep « Antaŭen ĝis la venko », die te hunner eer een schitterende tooneelvoorstelling had ingericht.

Het congres van 1910 zal plaats hebben te Augsburg, het hoofdkwartier van den Beierschen bond.

— De Saksische federatie geeft in haar tijdschrift « la Informoj » een overzicht van den toestand in dit koninkrijk : 75 groepen, meer dan 160 handelshuizen in Dresden, die Esperanto gebruiken in hunne handelsbetrekkingen, ambtelijke invoering van Esperanto bij de policie. Ook bestaan in Saksen 60 Esperantosprekende gendarmen.

**FRANKRIJK.** Bij onze zuiderderburen zijn eveneens de landelijke vergaderingen aan de dagorde: De Burgondische bond hield op 11 Juni zijn congres te Tournus ( Saône-et-Loire) ; de bond van het Rhône gebied op 20 Juni te Vienne ( Isère ) ; de bond der Parijsche groepen op 15 Juli

— A Edimbourg a eu lieu une réunion très importante dans le but d'introduire l'Esperanto dans les missions chrétiennes. On cite le cas d'un missionnaire qui. au pays des Zoulous, a enseigné l'esperanto à une trentaine d'enfants des deux sexes.

Les communications de notre corespondante Londonienne M$^{ll}$ Ad. S., rapportent ensuite une fête très réussie, organisée dans le courant du mois de Mai par le groupe de Londres ; — des fêtes, données à Brighton par le groupe « La Vagabondoj, — le succès ininterrompu de Monsieur Harrison Hill, qui par ses chansons espérantistes à fait de la propagande dans la loge maçonnique « Royal York of Perseverance » et au sein de la ligue des anciens élèves de l'Ecole St-Olave.

— N'oublions point l'importante « Journée Espérantiste» (17 Juillet) à l'ocasion de la grande exposition de White City à Londres dans l'enclos de Shepherds Bush. Un magnifique feu d'artifice a terminé la fête ; le bouquet, représentant le portrait du Dr Zamenhof eut un grand succès d'enthousiasme.

**ALLEMAGNE.** Le 4$^{me}$ Congrès national des Espérantistes Allemand, qui eut lieu du 21 au 23 Mai à Gotha a été un fait remarquable. Il est intéréssant de faire remarquer le caractère officiel de ce Congrès, grâce à la haute protection de Son Altesse Sérénissime Charles Edouard, duc de Saxe-Cobourg-Gotha et à la présence du D$^{r}$ M. Richter, ministre d'état, qui prononça un chaud plaidoyer en faveur de l'Esperanto. De magnifiques excursions ont eu lieu à l'occasion du Congrès, entre autres à Weimar et à Eisenach. Le 24 mai les Esperantistes furent reçus à Chemnitz par le groupe local « Antaŭen ĝis la venko » qui avait organisé en leur honneur une brillante représentation théatrale.

Le congrès de 1910 aura lieu à Augsburg, le quartier général de la ligue Bavaroise.

— La fédération saxonne donne dans sa revue « La Informoj » un aperçu de la situation dans ce royaume : 75 groupes ; plus de 160 maisons de commerce à Dresde, employant l'Esperanto dans leurs relations commerciales, adoption officelle de l'Esperanto par la police. En Saxe il y a 60 gendarmes parlant notre langue auxiliaire.

**FRANCE.** Chez nos voisins du midi les réunions régionales sont à l'ordre du jour. La ligue Bourguignonne tint le 11 Juin son congrès a Tournus ( Saone et Loire ): la ligue Rhodanienne eut sa réunion le 20 Juin à Vienne ( Isère ); la ligue des groupes Parisiens se réunit le 15 Juillet à Bou-

te Boulogne-sur-Seine en die der Noorderdepartementen (Nord, Pas-de Calais-, Somme) te Condé op 27. Juli. Bij dit laatste werd de Belgische bond vertegenwoordigd door den heer A. J. Witteryck en Mej. B. Ledène, uit Brugge. Al deze congressen zijn opperbest gelukt en hebben veel tot de algemeene propaganda bijdragen. De plaatselijke dagbladen hebben er met den grootsten lof over gewaagd.

— Nieuwe groepen werden o. a. gesticht te Brienne-le-Château (Aube), Henin-Liétard (Pas-de-Calais), Méru (Oise), Châtellerault (Vienne), Chambéry (Savoie), Corbeil (Seine-et-Oise), Lorient (Morbihan), Mantes-la-Jolie (Seine-et-Oise) en Villeneuve St-Georges (Aveyron).

Het nieuwsblad «Le Petit Radical» van Orange (Vaucluse) deelt eene reeks zeer belangrijke propaganda artikels over Esperanto mede.

Onder datum van 31 Juli l. l. treffen wij in het dagblad « Le Petit Parisien » een artikel aan van M. H. Dupont. Het bevat eenen oproep tot al de fransche esperantisten om zich te doen kennen.

**NEDERLAND.** — Van het groot woordenboek Hollandsch-Esperanto zijn reeds meer dan 100 bladzijden afgedrukt; het geheele werk zal einde September verschijnen (Uitgever H. Honig, te Utrecht).

— Een groot getal Nederlandsche nieuwsbladen toonen hunne belangstelling in de esperantische beweging, Het Julinummer van « Holanda Pioniro » noemt 26 bladen op, die in den laatsten tijd te zamen 55 artikelen opnamen.

— Op 18 Juli had te Gouda de algemeene vergadering der Nederlandsche esperantisten plaats, waarvan wij op dit oogenblik nog geen nieuws ontvangen hebben.

**OOSTENRIJK.** —Een doelmatige propaganda voor onze geliefde taal maakt op dit oogenblik de heer Geier, die in de Stiermarksche, Karyntische en Salzburger nieuwsbladen artikelen schreef en zich in Gratz (Stiermarken) zeer verdienstelijk maakt.

— Nieuwe groepen werden o. a, gesticht te Marburg (Stiermarken), Schönhausen en Filippsdorf (Bohemen).

**DENEMARKEN** — Het nationaal congres der Deensche esperantisten heeft op 13 Juli te Aarhus plaats gehad.

**RUMENIE.**—Ook in dit land neemt Esperanto bij het policiekorps ingang. In Bukarest zijn twee policie-officieren en verscheidene agenten bij de plaatselijke groep aangesloten; in Galatz werd door de zorgen van den heer Baltenanu, prefekt van policie eenen leergang ingericht gegeven door den heer Fischer, en gevolgd door den oppercommissaris, den heer Constanti-

logne sur-Seine et la Ligue des départements du nord (Nord, Pas de Calais, Somme) à Condé le 27 Juillet. A ce dernier congrès la ligue Belge fut représentée par Mr A. J. Witteryck et Mlle B. Ledène de Bruges. Tous ces congrès réussirent admirablement et contribueront beaucoup à la propagande générale. Les journaux locaux en ont parlé avec le plus grand enthousiasme.

— De nouvaux groupes furent fondés entre autres à Brienne le Château (Aube) Henin-Liétard (Pas de Calais), Méru (Oise), Chatellerault (Vienne), Chambéry (Savoie), Corbeil (Seine et Oise), Lorient (Morbihan), Mante-la-Jolie (Seine et Oise) et Villeneuve Saint George (Aveyron).

— Le journal « Le Petit Radical » d'Orange (Vaucluse) publie une série d'articles de propagande très importants en faveur de l'Espéranto.

Sous la date du 31 juillet dr. « Le Petit Parisien » publiait un article de M. H. Dupont. Il contenait un appel à tous les espérantistes français de se faire connaître.

**PAYS-BAS.** — Déjà plus de cent pages du grand dictionnaire Hollandais-Esperanto sont imprimées; l'ouvrage complet paraîtra fin septembre prochain. (Editeur H. Honig à Utrecht).

— Un grand nombre de journaux Néerlandais montrent leur sympathie au mouvement espérantiste. Le n° de juillet de « Holanda Pioniro », donne une liste de 26 journaux, qui dans le dernier temps ont inséré ensemble 55 articles

— Le 18 juillet dernier eût lieu à Gouda la réunion générale des Espérantistes Néerlandais; des détails à ce sujet ne nous sont pas encore parvenus.

**AUTRICHE.** — Monsieur Geier fait actuellement une propagande active pour notre chère langue en publiant des articles dans les journaux Styriens, Carinthiens et Salzbourgeois et en donnant des conférences entre autres à Gratz (Styrie).

— De nouveaux groupes ont été fondés à Marbourg (Styrie), Schönhausen et Filippsdorf (Bohème).

**DANEMARK.** — Le Congrès national des Espérantistes Danois eut lieu le 13 juillet à Aarhus.

**ROUMANIE.** — Dans ce pays l'Espéranto s'introduit chez la police. A Bucharest il y a deux officiers de police et plusiers agents qui font partie du groupe local; à Galatz, par les soins de Monsieur Baltenanu, préfêt de police, un cours d'Esperanto, donné par Monsieur Fischer, a été organisé; Ce cours est suivi par le commissaire de police en chef Monsieur Constan-

nescu, den bestuurder en den onderbestuurder van den dienst der openbare veiligheid, alsook door verscheidene commisarissen en ondercommissarissen.

— Het nationaal congres der Rumeensche esperantisten heeft plaats gehad te Bukarest op 1-3 Augusti(n.st.) De inrichtingscommissie heeft een uiterst welgeslaagde kunstrijke plakbrief laten verschijnen, voorstellende eene Rumeensche vrouw in nationale kleederdracht en eenen krans reikende aan de groene ster, die midden van een helderlichtenden hemel opdaagt.

**SPANJE.** — De heer Josefo Sanchez Guearo, minister van Openbare Werken heeft het eere-lidmaatschap van het Ve Wereldcongres aangenomen.

— Nieuwe groepen werden gesticht te Madrid, Horta, Vilassar, Arbos (Barcelona), Arbeca (Tarragona) en Deusto (Vizcaya).

— Over het congres van Barcelona zijn in den laatsten tijd weinig berichten verschenen. De Belgische esperantisten, die tot hier toe nog niet ingeschreven zijn, worden verzocht hunne bijtreding, vergezeld van de te betalen kosten, zonder uitstel te sturen aan Esperantista Centra Oficejo, rue de Clichy, 51, Parijs.

**ZWITSERLAND.** — *Uit* plaatsgebrek in de twee vorige nummers van « Belga Esperantisto » hebben wij niet kunnen gewagen over het gewichtig congres der Zwitsersche esperantisten, dat op 24-25 April in Soloturn heeft plaats gehad.

De vergadering heeft plaats gehad in den « Saulbau », waar een zeer belangrijke esperantische tentoonstelling was ingericht. Zeer merkwaardig was de verklaring van den heer voorzitter René de Saussure, ten opzichte der hervormingsgezinde «zoogezegde» Esperantisten, die ' onder den naam van Esperanto een plagiaat van de Zamenhofsche taal aanbieden en aldus het publiek in dwaling brengen. Eenige personen hebben daarop de zaal verlaten ; de toestand in het esperantisch kamp is in Zwitserland thans zuiver afgeteekend zooals hier te lande. Wij kunnen niets anders dan onze Zwitsersche vrienden daarover van harte gelukwenschen.

Een belangrijke voordracht met lichtbeelden door den heer Privat over de a. s. Amerikaansche congresstad Chautauqua, een welgeslaagd concert en een gezellig feestmaal lijstten verder het congres in, waarvan ieder deelnemer stellig den aangenaamsten indruk zal bewaren. Het congres van 1910 zal te Lausanne plaats hebben.

- Het schoonste tijdschrift « La Patrie Suisse » gaf een merkwaardig geillustreerd artikel over het Kongres.

tinescu, le directeur et le sous-directeur du service de la sûreté publique, ainsi que par plusieurs commissaires et sous commissaires.

— Le Congrès national des Espérantistes Roumains eût lieu à Bucharest le 1-3 août (nouveau style), Le comité organisateur a publié une affiche artistique très réussie, représentant une femme Roumaine en costume national, tendant une couronne à l'étoile verte qui se lève sur un ciel plein de lumière.

**ESPAGNE.** — Monsieur Josefo Sanchez Guearo, ministre des travaux publics a accepté d'être membre d'honneur du Ve Congrès international.

— De nouveaux groupes ont été fondés à Madrid, Horta, Vilassar, Arbos (Barcelone), Arbeca (Tarragone) et Deusto (Biscaye).

— Peu de nouvelles nous sont parvenues dans les derniers jours au sujet du Congrès de Barcelone. Les espérantistes Belges, qui jusqu'à présent n'ont pas encore pris leur inscription sont priés d'envoyer sans retard leur inscription accompagnée des frais à l'Esperantista Centra Oficejo, 51, rue de Clichy, Paris.

**SUISSE.** — A défaut de place dans nos deux nos précédents, nous n'avons pu parler du congrès important des Espérantistes suisses, qui a eu lieu à Soleure les 24-25 avril derniers. La réunion fut tenue dans le « Saalbau », où l'on avait organisé une exposition espérantiste très importante. La déclaration du président, Monsieur René de Saussure, au sujet des « soi-disant Esperantistes réformateurs», qui, sous le nom d'Esperanto, nous offrent un plagiat de la langue de Zamenhof et induisent de cette façon le public en erreur, fut très remarquable. Quelques personnes ont quitté la salle ; la situation dans le camp Espérantiste suisse est maintenant nettement délimitée de même que chez nous en Belgique. Nous ne pouvons que féliciter cordialement nos amis de Suisse.

Une importante conférence avec projections lumineuses, relativement à la ville américaine Chautauqua, où se tiendra le 6me congrès, fut donnée par Monsieur Privat ; un concert bien réussi et un banquet fraternel encadrèrent ce congrès, dont chaque participant conservera certainement l'impression la plus agréable. Le Congrès de 1910 aura lieu à Lausanne.

La jolie revue « La Patrie Suisse » a publié un bel article illustré concernant le congrès de Soleure.

**VEREENIGDE STATEN VAN NOORD-AMERIKA.** — Het 2e nationaal congres heeft van 9-13 Augusti te Chautauqua plaats gehad. Waarschijnlijk zal men er de grondslagen van het VIe wereldcongres gelegd hebben.

**NIEUW-ZEELAND.** — Deze Engelsche bezitting bestaat uit twee eilanden, doorsneden door de zeeëngte van Cook, en heeft op eene oppervlakte van 270.000 km. omtrent een millioen inwoners. Het land is zeer vruchtbaar en heeft naast rijke gouden zilvermijnen, talrijke kudden schapen. Het schijnt tot een schitterende toekomst geroepen; daarom tracht zooveel mogelijk de plaatselijke regeering de reizigers en de toeristen aan te lokken, en heeft deze, met dit doel, eene beschrijving van Nieuw-Zeeland uitgegeven in dubbelen tekst: Engelsch-Esperanto. Het schoonste van al is, dat de beambten van het bureel voor vreemdelingenverkeer, van regeeringswege **verplicht** zijn Esperanto te leeren!

Ziedaar een schoon voorbeeld, ons door onze tegenvoeters gegeven!

**ETATS-UNIS DE L'AMERIQUE DU NORD.** — Le 2e Congrès National a eu lieu du 9 au 13 août à Chautauqua. Probablement on y aura jeté les fondements du 6me Congrès mondial.

**NOUVELLE ZELANDE.** — Cette colonie anglaise se compose de deux iles séparées par le détroit de Cook, a une superficie de 270.000 kilomètres carrés et une population d'environ un million d'habitants. Le pays est très fertile et possède à côté de riches gisements d'or et d'argent, de nombreux troupeaux de moutons. Ce pays semble avoir devant lui un brillant avenir; le gouvernement local fait tout son possible pour attirer les voyageurs et les touristes et a dans ce but édité une description de la Nouvelle-Zelande, avec double texte Anglais-Espéranto. Mais ce qu'il y a de plus intéressant c'est que les fonctionnaires du bureau de tourisme sont **obligés** par le gouvernement d'apprendre l'Esperanto!

Voilà certes un bel exemple que nous donnent nos antipodes.

Oscar Van Schoor.

---

# LITERATURA PARTO

## EN LA MALNOVA FARMDOMO

DE

FRANÇOIS RENKIN.

**Jean François Renkin** naskiĝis en Lieĝo (Liége), la 8an de Marto 1872. Li pasigis sian tro mallongan vivon en sia kvieta hejmo en Ramioul-Ramet (elp.: Ramiul-Rame), inter la vilaĝanoj, kun kiuj li ŝatis amike interparoli kaj kies lingvon li bonege konis kaj fervore amis.

Lia verkaro ne estas tre vasta, ĉar la morto forrabis lin tro frue, la 17 an de Februaro 1906.

Li skribis, pri la popola vivo, kelkajn rakontojn mallongajn, en rimarkinde simpla kaj pura formo, kaj samtempe imaĝplena lingvo. La originaleco de la temoj elektitaj de li, metis lin sur la unuan vicon inter la Valonaj rakontverkistoj.

Li verkis ankaŭ viglajn kronikojn por diversaj literaturaj, kaj folkloraj revuoj: *li Mestrê* (france: le Ménétrier), *Wallonia*, *li Spirou* (france: l'Ecureuil) k. t. p.

Kiel ano de la « Société liégeoise de littérature wallonne » (Lieĝa societo pri valona literaturo) li ofte estis membro de la juĝantaro por la raportoj, aperintaj en ĝia bulteno.

La talento de Renkin montras laŭvice la plej altvalorajn ecojn: grandan ĝustecon en observo, emocion ofte melankolian, rimarkindan fluecon kaj purecon de stilo, vivan amon al la prapatra regiono kaj al ĝiaj legendoj kaj popolaj kutimoj, al ĝia antikva lingvo.

Plie, la karaktero de Renkin estis vere admirinda: liaj amikoj kaj ĉiuj, kiuj eĉ nur okaze konatiĝis kun li, lin fidele memoros.

Ekzistis iam en Kondrozo (1) tre malnova farmdomo. Estis, meze de l'kamparo, granda ruĝa konstruajo, kiu

(1) Kondrozo (france: Condroz; valone Condro, estas parto de la belgaj provincoj Lieĝo (Liége) kaj Namuro (Namur), sude de la riverego Mozo (Meuse).

La valona parto de Belgujo etendiĝas sur la suda duono de tiu ĉi lando.

ŝajnis sterniĝi en la sunbrilo por revarmigi siajn tegmentojn kaj murojn tute muskokovritajn.

En la korto de l'farmdomo kuŝis sterkejo kie kokinoj kaj anasoj, anseroj kaj multe da aliaj bestoj kantis, kuris kaj vete kriadis, ĝuantaj la vivon kaj feliĉaj, povi ĉiutage manĝi kaj trinki sen peni por tio.

Apud angulo de la brutstalo, Ŝampanjo, la granda nigra hundo, pasigis sian tempon revadante.

Tute kvieta li kutime estis. Nur tiam, kiam almozulo eniris la korton, aŭ je la alveno de l'leterportisto, li kvazaŭ fariĝis demono, furioze penegante rompi sian katenon por eksalti al ilia brusto.

Sed sur la sterkejo la vidaĵo estis vere kurioza.

Troviĝis tie anasoj, tute fieraj tial ke ili scias naĝi. La tutan tempon ili restadis are, senĉese babilante pri banadoj kaj subakviĝoj.

Ho! Ili estis gento tute nekunvivebla!

Ĉiam ili postulis pluvon kaj ili tuj malkontentiĝis kiam oni rigardis ilin marŝi tra la korto, unu post la alia, simile al virinoj irantaj oferi, dum mortintmeso.

Plie, oni ekvidis tie la maljunan meleagron, kiu neniam diris ian vorton. kaj kiun ĉiu respektis, precize pro tiu kaŭzo. Oni certigis ke li esta lernadinta longtempe dum sia juneco.

Io, almenaŭ, estis certa : du aŭ trifoje ĉiun tagon lia kapo ekbluiĝis, tiel forte li koleris, tute sola, sen ia ajn kaŭzo.

Iu, kiu tute ne fieriĝis, estis Kadeto, la granda batala koko, duonblinda kaj tute senpluma sur la kapo. Kiam li parolis, estis ĉiam pri la sama temo : la vetbataloj kiujn li iamtempe partoprenis, la batoj kinjn li tiam ricevis kaj la venkoj kiujn li gajnis.

Ĉiumomente li estis preta por rakonti ke li, Kadeto, estas la unua venkinto de Napoleono, la plej fama batalkoko el Hesbajo. (1) Tio okazis ĉe vetbatalo en Fexhe (2). Kadeto revenis de la batalkampo kun unu okulo malplie, sed Napoleono, kriegante pro doloro estis eksaltinta el la areno, tute sangokovrita. Kiel plezure li rakontis tion, la granda Kadeto! Kaj li ne forgesis aldoni, ke, je tiu okazo, la farmmastro, kvazaŭ freneziĝante pro ekcito, kisis lin, vetinte preskaŭ kvincent frankojn pro li!

Io tamen ĉagrenigis la grandan Kadeton : li vidis kolere la nuntempajn kokojn pasigantajn — anstataŭ batali! — sian tempon en kantkonkursoj.

« Estas hontinde! » diris Kadeto kion oni nun devas « vidi!

« Kokojn, farantajn kiel fringoj!... Estas kolerinde, vere! »

Sed malofte li sukcesis trovi iun por priparoli kun li tiun temon, ĉar li ĉiam volis esti prava, kaj li ne povis multe diskuti sen baldaŭ koleri kaj grumbli.

La kokinoj kaj la ceteraj kortbirdoj preferis interparoli kun la flavruĝa, Itala koketo, tiel aminda kaj kiu tiel bone kantis. Tiu ĉi, almenaŭ, estis bonsocieta koko, kun edukiteco!

(1) *Hesbajo*, (france : *Hesbaye*, valone : Hesbaj'), parto de la belga provinco Lieĝo, norde de la riverego Mozo (Meuse).
(2) Elparolu : Feh, Vilaĝo el la provinco Lieĝo.

Pri babilemeco, li kvazaŭ superis maljunan kovkokinon. Kaj en la vetkantadoj, en kiuj li partoprenis, li estis elgajninta multe da premioj pro sia ĉarma voĉo.

Dio mia! Tiel bone, aŭdu, li sciis la manieron plaĉi al la junaj kokinoj! Li tiel gracie diris: « Bonan tagon, kokineto mia! » ke ĉi-tiuj subite eksentis sin dolĉe kortuŝataj.

Kiam la Italo saltis sur la timonon de ĉaro por kanti arion, ili ne povis satiĝi aŭskulti lin. Por ilin kontentigi, li estus devinta kanti senripoze, la tutan tagon.

Ĉiuj kokinoj enamiĝis je li. Eĉ unu el ili havis mirandan ideon: ŝi provis kanti siavice, por rimarkigi sin. Sed la farmmastro, aŭdinte tion, kaj iom timema pro sia edzino (1) tordis la kolon de la malfeliĉa kokino, por manĝi ŝin la sekvontan dimanĉon.

Kaj tiamaniere pasiĝis la tagoj, sur la sterkejo de l' malnova farmdomo.

Tutfrue oni leviĝis, kaj la Italo jam kantis, la anasoj jam malpuriĝis per koto, antaŭ eĉ ol la Diablo estis surmetinta sian kufon (2).

* *

Ian tagon, oni sciiĝis grandan novaĵon. Ambaŭ, la batalema Kadeto kaj l'itala kantulo estis enamiĝintaj je la juna hina kokino, kiu estis tre fiera tial ke ŝi havas plumojn sur siaj kruroj. Pri l'kantulo, estis facile kompreneble, sed pri Kadeto! Tiu maljuna malspritulo!! La tuta anasaro senĉese lin mokis kaj laŭte ekridis ĉiufoje kiam ili vidis lin alproksimiĝantan.

Al neniu el la du kokoj la juna Hinkokino estis dirinta nek jes, nek ne; ŝi, tamen, fine promesis doni al ili respondon la sekvontan dimanĉon, en la ĉeesto de ĉiuj aliaj bestoj el la korto.

Nur tiun okazontaĵon oni aŭdis pribabiladi sur la korto. Malkaŝe oni diris, ke la inino faras tro da fanfaronaĵojn antaŭ ol preni decidon, — ke ŝi havas vere ĉiujn bonŝancojn, ke, tamen, ŝi ne valoras pli multe ol alia kokino, — kaj « *patati kaj patata...* » Vi komprenas: tiujn babilaĉojn la aliaj kokinoj diris nur pro ĵaluzo, ĉar ĉiuj kun certeco opiniis ke la kantulo estos preferata, li, kiu tiel bonmaniere sciis diri: « Bonan tagon, kokineto mia! »

* * *

La sekvantan Dimanĉon, bona suno ĝoje brilet's kaj ĉiuj kokinoj, anasoj kaj ceteraj bestoj kuniĝis sur la sterkejo, — escepte tamen unu maljuna, grizpluma kokino, restinta en la kokejo por tie plori senĝene, pro la rifuzo de l' Italo kiu ne volis edziĝi kun ŝi.

Ĉiuj atendis, kaj la ĥina kokineto estis dironta baldaŭ kiun ŝi elektas.

L' Italo, certa pri la prefero, sin tenis tute fiera kaj kantis tiel laŭte, kiel se li kvazaŭ volus eluzi sian langon.

La maljuna Kadeto staradis iom malproksime de li por eviti la tenton sin ĵeti sur tiun fanfaronantan konkuranton.

Subite, je l' ĵusa momento kiam la kokino estis ekparolonta, oni aŭdis teruran kriegadon. La bestoj rapidegis en la stalojn, en la kokejon, en la domon, ĉien, serĉante rifuĝejon.

---

(1) Valona popoldiro; *Poye qui chante, feume qui hufèle, sègnes di quarèle!* (Kantanta kokino, fajfanta virino, antaŭsignoj pri malpaco!).

(2) Alia valona popoldiro por esprimi: tre frumatene.

Akcipitro ĵus estis faliĝanta sur la ĥinko kinon ; per sia akra, forta beko, furioze frapante, li penis por mortigi ŝin kiel eble plej rapide, antaŭ ol ŝin forporti en sian neston....

Sed, rapide kiel la fulmo, Kadeto sin ĵetas sur lin ; per sia beko kaj siaj spronoj — dum la kokineto rapidante rifuĝas ĉe Ŝampanjo — la batalulo cedigas l' akcipitron, kiu fine nenion alian povas fari ol forflugi kun malplenaj ungegoj, kaj plie, tute konfuza kaj honta esti venkita de koko.

* * *

Duonhoron poste, kiam la bestoj kuraĝis reiri sur la korton, oni retrovis l' italan kantulon duonmortintan pro timego, kaj la maljunan Kadeton kiu karesis la ĥinan kokineton, decidiĝintan por li.

Kaj la plej komika sekvo de la historio estis, ke neniu el la kokinaro plu volis edziniĝi kun la kantulo, kvankam li tiel afable sciis diri : « Bonan tagon, kokineto mia ! »

La malfeliĉa kantulo devis resti fraŭlo dum sia tuta vivo !

Kaj kiam okaze li plendis al Ŝampanjo pri sia bedaŭrinda sorto li ĉiam ricevis la saman respondon :

« *Haŭ, haŭ* ! estas bone meritita. Vi estis tro fiera pro via muziko ! »

El valona lingvo esperantigis
JOSEPH PAROTTE.

Rimarko. — La tradukanto, konsiderante en tiu ĉi fantazia rakonto la bestojn kiel homojn, *necese* uzis por paroli pri ili la pronomojn *li, ŝi*, anstataŭ ĝi.

---

# BIBLIOGRAFIO

« Belga Esperantisto » nur recenzas la verkojn senditajn al ĝi en du ekzempleroj (Adreso : Arendstraat, 26, Antwerpen).

---

I. **British Esperanto Association**, 133-136 High Holborn, London S. W.

MAJ. GER. GEORGE COX, *Aventuro de la Kalifo Harun Abraŝid*. (19×12) 32 paĝoj. Prezo : 4 1/2 pence — 0,18 Sm.

II. **Filoj de Paluzie**, eldonistoj, Barcelono.

*Jozefo Paluzie Lucena. Ŝakproblemoj* (21×15) 136 paĝoj. Prezo ne montrita.

Tiu ĉi tre interesa libro, tre zorge presita, kaj kompreneble ilustrita per multaj ŝakfiguroj estos bonvena ĉe la multnombraj esperantistaj ŝakamantoj.

Ĝi enhavas aron da rektaj kaj da fantaziaj problemoj, unuj malnovaj, aliaj originalaj. La klera aŭtoro sekvigas ĝin per speciala ŝakvortareto, kiu ne jam estas oficiala, sed senduba baldaŭ iĝos leĝa. D-ro VILHELMO.

III. **Presejo Albert Kündig**, en Genovo.

A. *Decidoj kaj deziroj de la naŭa kongreso internacia de Geografio, Ĝenevo, 27an Julio-6an Aŭgusto 1908*. Esperantigita laŭ la originalaj tekstoj de R. DE SAUSSURE. (18×27), 10 paĝoj. Prezo ne montrita.

B. RENÉ DE SAUSSURE. *La geometria folietaro*, 1a parto, (18×27), 36 paĝoj. Prezo : 0,25 Sm.

La unua broŝuro estas evidenta pruvo de la utilo kiun Esperanto prezentas por internaciaj kongresoj ; la dua atestas pri la utilo de nia kara lingvo por sciencaj aferoj ; ambaŭ libretoj estas tre interesaj.

IV. **Librairie Hachette et C^ie^**, Boulevard Saint-Germain, 79, Paris.

A. *Lingvo internacia Esperanto, lernolibro por Turkoj*, (18×11) 20 paĝoj. Prezo fr. 0,20 = 0,08 Sm.

Tiu ĉi broŝureto enhavas krom antaŭparolo en Turka lingvo, la tutan gramatikon de Esperanto, la tabelon de la afiksoj kaj tiun de la simplaj vortoj en teksto Turka kaj Esperanta. Rekomendinda propagandilo inter la Turka loĝantaro de nia lando.

B. ADRIA GUAL, *Mistero de Doloro*, dramo en tri aktoj, el katalana lingvo tradukis FREDERIKO PUJULA Y VALLÈS. (21×16) 90 paĝoj. Prezo : 2 fr. = 0,8 Sm.

Tiu korpremanta dramo ne nur interesos la esperantistojn, ĉeestantajn la Barcelonan krongreson, sed meritas honoran lokon sur la legotablo de ĉiuj esperantistoj. La originala teksto estas altvalora, la saman laŭdon ni devas esprimi al la lerta tradukinto, S-ro Pujula. Laŭ la kutimo de la firmo Hachette la libro estas zorge, sur bona papero presita ; ni varme rekomendas ĝin al ĉiuj, kiuj kolektas esperantistajn ĉefverkojn.

V. **Eldonejo Atar**. Corraterie, 12, en Ĝenevo.

EDMOND PRIVAT, *Ĉe l' koro de Eŭropo*. (20×13) 24 paĝoj. Prezo : Fr. 0,50 = Sm. 0,20.

Dum la monato de Julio oni prifestis en Ĝenevo la 400^an^ datrevenon de l'naskiĝo de Calvin kaj la 325-an datrevenon de l'fondo de l'kolegio kaj universitato de Ĝenevo. Je tiu okazo S-ro Edmond Privat skribis la ĉi supre cititan libreton, en kiu li skizas la historion de Genevo kaj la rolon de la reformisto Calvin. La broŝuro enhavas kelkajn ilustraĵojn ; i. a. belan portreton de S-ro Ernest Naville (1816-1909). Multaj esperantistoj tralegos ĝin plezure.

**VI. Librairie de l'Esperanto**, 15, rue Montmartre, Paris. EDMOND PRIVAT. *Karlo, facila legolibro por la lernado* de Esperanto (18×11) 48 paĝoj. Prezo : Fr. 0,50 = Sm. 0,2.

« Karlo » pritraktas, en 20 ĉapitroj, vivon de junulo, de lia infaneco ĝis lia edziĝo.

La libro estas tre rekomendinda kaj faros grandajn servojn en perfektigaj kursoj, kie ĝi ebligos ampleksigi la vortaron de la lernantoj kaj kutimigos pri ĉiuj esprimoj sin rilatantaj al la ĉiutaga vivo.

La enhavo de la libro estas tre interesa ; la stilo estas simpla, klara kaj korekta.

Mi bondeziras al « Karlo » grandan disvastigadon.

VII. **Esperanta Presejo**, strato Asalto, 45, Barcelono. MIKAELO CASES. *Unu fojon....* (15×11) 30 paĝoj. Prezo : Fr. 0,30 = Sm. 0,12 ; 10 ekz. 1 Sm. ; 50 ekz. 4 Sm.

Aro da humoraĵoj, multaj el ili estas tre sukcesintaj.

VIII. **Centra Angla Esperantejo** 17, St-Stephen's Square Bagswater, London W.

Tiu ĉi eldonejo publikigas sub la titolo *la « Verd-Stelo » serio*, aron da malgrandaj, kaj verŝajne tre malmultekostaj libretoj. Mi diras « verŝajne », ĉar la prezo ne estas montrata.

La n-ro 1 mi ne recevis.

A. N-ro 2. J. C. O'CONNOR, Ph. Dr., M. A. — *La Infano, la Sagulo kaj la Diabolo*, laŭ la Angla teksto de COULSON KERNAHAN, (13 × 10) 46 paĝoj.

Libreto pri religia temo, tre ŝatata en Britujo, kaj tie tre favore akceptita de la literaturaj kritikistoj. Ĝis nun ekzistis de ĝi tradukaĵoj en 13 lingvoj ; S-ro O. Connor estis tre prava, prezentante ĝin, en Esperanto al la tuta mondo.

B. N-ro 3. KASIMIR EUCHARIS. *La vizio de la Poeto* laŭ la originala (Angla) teksto de ŜIA MOŜTO LA REĜINO ELIZABETO DE RUMANUJO (CARMEN SYLVA), 15 paĝoj. (La libro estas vendata por profito de la propagando inter blinduloj).

La simpatia kaj amata Reĝino de Rumanujo, kiu estas ne nur benata bonfarantino de l'homaro sed ankaŭ famkonata poetino, imag̃e vidis la maljunan Roman poeton, Ovidon, antaŭrigardantan la estontecon, kaj vidantan tie la « Urbon por la Geblinduloj » kiun, sub la nomo « Vatra Luminoasa, (Luma Hejmo) ŝi antaŭ nelonge fondis.

Jen la « Vizio de la Poeto ».

S-ro Eucharis sukcese tradukis esperanten la belan tekston de Carmen Sylva, kiu bonvole akceptis la dediĉon.

IX. **Esperanto Verlag Möller & Borel**. Lindenstrasse, 18, 19, Berlin.

ESPERANTA BIBLIOTEKO INTERNACIA.

A. N-ro 3. KABE, *Bona Sinjorino*, novelo laŭ la Rusa teksto de ELIZA ORZESZKO. (14 × 18) 52 paĝoj. Prezo : Fr. 0.25 = Sm. 0.10.

B. N-ro 4. KABANOV. *Rusaj Rakontoj, fabeloj al Helenjo*, laŭ la Rusa teksto de MAMIN SIBIRJAK (14×18) 52 paĝoj. Prezo Fr. 0,25 = Sm. 0,10.

Nenio pli ŝatigas nian karan lingvon ol la legado de esperantaj libroj. La kolekto eldonata de S-oj Möller & Borel distingiĝas kaj rekomendiĝas per bona elekto de la originalaj tekstoj, majstra tradukado kaj malalta prezo. Ambaŭ ĉi supre cititaj verkoj estas indaj je ŝiaj du antaŭuloj.

X. **Druck und Verlag F. Emil Boden**, Bismarckplatz, 12, Dresden.

WILH. VELTEN, Rektor em. und R. RICHTER, Verkehrsinspektor a. D. *Lexikon deutscher Redensarten in Esperanto* (17×20) 202 Seiten. Preis : geb. Mk. 3 = Sm. 1,50 ; geh. Mk. 2,50 = Sm 1,25.

Diese Sammlung enthält nach alphabetischer Ordnung etwa 3.000 Redensarten, (mit ihrer Übersetzung in Esperanto) welche zu jedem Gebrauch im praktischen Leben benutzt werden können.

Anstatt einer langweiligen Reihenfolge zweckloser Sätze, findet man hier richtig erdachte und methodisch gruppierte Redensarten, welche sich auf das nämliche deutsche Wort beziehen und eine besondere Übersetzung in Esperanto haben.

Zum Beispiele diene das Wörtchen *nach*, dem in Esperanto entsprechen *al*, *post*, *por*, oder das man gar nicht wörtlich übersetzen kann. Die Verfasser geben uns ungefähr zwanzig gut gewählte Sätze, aus denen man ersehen kann, wie man *nach* in Esperanto übertragen muss.

Für Deutsche hat das Buch der Herren VELTEN und RICHTER einen unschätzbaren Wert und ich empfehle es auch mit voller Überzeugung denjenigen meiner Landsleute an, denen die schöne Sprache von Gœthe und Schiller keine fremde mehr ist. AMATUS.

---

Onder den titel van *Aanhangsel* tot den *Esperanto Sleutel* heeft het Holanda Esperanto Oficejo een boekje uitgegeven inhoudende ongeveer 2000 Nederlandsche woorden met esperantische vertaling. Dit boekje, samengesteld door den Heer H. Blok is zeer aanbevelenswaardig en is te verkrijgen bij M. Roe, 23, Krugerplaats, Borgerhout (Antwerpen), aan den prijs van 20 centiemen. 10 ekz. kosten F. 1.80 ; 50 ekz. – F. 8.50 en 100 ekz. F. 16.—

---

*Danujo.* — **Dana Esperantisto** (Dane). — 2 fr. 75. — *Gyldentævesgade, 16, Kopenhago K.*

*Estlando.* — **Estlanda Esperantisto** (Este), — 2 fr. 75, — J. A. Ruhamägi, *Weike Kalamaga uul. 7, k. v. Revel* (Rusujo).

*Filipinaj Insuloj.* — **Filipina Esperantisto** (Angle, Hispane, Tagaloge) — 5 ft. — *P, O. Box, 326, Manila.*

*Finnlando.* — **Finna Esperantisto.** — 3 fr. — Ilarejo Esperantista, *Helsingfors.*

*Francujo.* — **Franca Esperantisto** (Esp., kaj france). — (3 fr.) 4 fr. — F. de Menil, 46, *Boulevard Magenta, Paris.*

*Francujo.* — **Le Monde Espérantiste** (France). — (1 fr. 25) 2 fr. — 3, *rue Sophie Germain, Paris.*

*Francujo.* — **L'Informilo** (France). jarkvarona. — 8, *rue de Rome, Calais.*

*Francujo.* — **Paris-Esperanto** (France). — 1 fr. 50 — V. Chaussegros, 3. *place Jussieu, Paris* (V°)

*Francujo.* — **Lorena Esperantisto** (France). — Esperantista Grupo en *Nancy.*

*Francujo.* — **La Normanda Stelo** (France) — (1 fr.) 2 fr. 50 — Liébard kaj Leroux, 41, *rue de la Vicomté*, Rouen.

*Francujo.* — **Sarta Stelo** (France). — 1 fr. — Lepeltier, 14, *rue Scarron, Le Mans.*

*Francujo.* — **Norda Gazeto** (Esp. kaj france) 1 fr. — E. Deligny, *boulevard Vauban, Saint Omer.*

*Germanujo.* — **Germana Esperantisto** (Germane) — (3.05 Mk) 5 fr. Möller kaj Borel, *Lindenstr.* 18/19, *Berlin S. W.*

*Germanujo.* — **Germana Esperanto-Ĵurnalo** (Germane) dusemajna. 5 fr. — H. Wuttke, *Pionierstrasse, Magdeburg.*

*Germanujo.* — **La Saksa Esperantista** (Germane). — 1 fr. 25. Fritz Stephan, *Leipzig.*

*Germanujo.* — **La Esperantisto** (Esp. kaj Germane) — 3 fr. 50 — 27, *Talstrasse. Leipzig.*

*Hispanujo* (Vidu ankaŭ : *Katalunlando*). — **Suno Hispana** (Hispana) — 3 fr, — Rafael Duyos, *Cirilo Amoros 28, Valencia.*

*Holando.* — **La Holanda Pioniro** (Holande) — (3 fr, 15) 3 fr. 75.— *Singel, 386, Amsterdam.*

*Hungarujo.* — **Hungara Esperantisto.**, — (Hung. Esp.) — Sekretaria oficejo ; *Alparutca, 8, Budapest* VII.

*Italujo.* — **Notizie Esperantisto** (Itale). — Giovanni Castiglia, 6 *Via S. Agostino Palermo.*

*Katalunlando.* — **Stelo Kataluna.** (Hispane.) Katalune) — 3 fr. — 30 *Rambla San Isidro Igualada (Barcelona).*

*Katalulando.* — **Tutmonda Espero** ( Katalune ) — 3 fr. — Mikaelo Clases, *Paradis* 12. 1.. *Barcelona.*

*Japanujo,* — **La Japana Esperantisto** ( Angle Japane ). — 4 fr. — 3 *Come Ĵurakco Kojimaaik, Tokio.*

*Meksiklando.* — **Esperanta Gazeto** ( Hispane ) Jare 1 fr, 90 — *Ap.* 114. *Guadalajara.*

*Meksiklando.* — **Meksika Revuo** ( Hispane ) — 2. fr. 50. — *Cocheras,* n. 2. *Mexico.*

*Meksiklando.* — **La Verda Stelo** ( Hispane ). — 5 fr. — Dr A. Vargas. 3° *del Relox,* u. 12, *Mexico.*

*Peruo* — **Antaŭen Esperantistoj !** ( Hispane ). — 3 fr, — Ant. Alvarado 109. *calle Lartiga, Lima.*

*Polujo.* — **Pola Esperantisto** ( Pole ). — 3 fr. *Hoza* n. 48 m. 8 *Varsorio.*

*Rumanio.* — **Rumana Gazeto Esperantista** ( Rumane Esperante , — 3 fr. 16, *str. Coltei Bucarest.*

*Rumanujo.* — **Rumana Esperantisto.** ( Rumane ) ( 4 fr. ). 5 fr, — 5. *strada* I. C. *Bratianu Bucarest.*

*Rumanujo* — **Rumena Gazeto Esperantista** ( Rumane ). — 3 fr. — 1. *strada Speranta. Galatz.*

*Rusujo.* — **Ruslanda Esperantisto** ( Ruse. Esp. ) — 8 fr, — Sto Espero *Nicolaevskaja. 33. loĝ 24. St. Petersburgo.*

*Svisujo.* — **Svisa Espero.** — (2 fr. 50). 3 fr. — *8, rue Bovy Lysberg. Genève.*

*Usono.* — **Amerika Esperantisto** ( Angle ) — 5 fr. 20. — *American Esperantist Company, 186, Forteeth street. Chicago.*

*Usono.* — **The Esperanto News** ( Angle ). monatduona. — 5 fr. 20. — 10 *Walstreet. Room 510, New-York,*

*Usono.* — **The Esperanto Student.** ( La Studento de Esperanto ) Esp. kaj Angle.) — 2 fr. 50 — John H. Brown. *23, Meadow road, Rutherford* (Usono, Jersey).

## REKOMENDATAJ LIBROJ

*Eldonejo de* A. J. WITTERYCK. *4, Nieuwe Wandeling,* BRUGGE.

A. J. WITTERYCK. — *Het Esperanto in tien lessen,* naar het werkje van Cart en Pagnier. Fr. 0.60

M. SEBRUYNS-VROMANT. — *Spraakleer en oefeningen der internationale taal Esperanto,* bewerkt naar L. de Beaufront. 1.—

A. J. WITTERYCK. — *Kelkaj floroj esperantaj.* 5 libretoj de 24 paĝoj, ĉiu 0.25

S-ino VAN MELCKEBEKE-VAN HOVE.—*Blinda Rozo,* de Hendrik Conscience, kun 4 bildoj. 1.—

D-ro M. SEYNAEVE kaj D-ro R. VAN MELCKEBEKE. — Paĝoj el la flandra literaturo. 1.60

—o—

*Eldonejo de* J. VAN HILLE-DE BACKER, *35, Zirkstraat,* ANTWERPEN *(Anvers).*

Fr. SWAGERS kaj Ad. FINET. — *La Ĉiutaga Vivo,* verkita laŭ la Gouin' a metodo, kun klarigoj en flandra kaj franca lingvo. Fr. 1.-

—o—

*Eldonejo de* V-ino P. J. CASIE & INFANOJ, *Scheldestraat, 14,* ANTWERPEN *(Anvers).*

Pajleroj kaj Spikoj, anekdotoj kaj rakontetoj. Fr. 0.50

—o—

## ESPERANTISTA CENTRA BELGA OFICEJO

Oscar VAN SCHOOR, *Vondelstraat,* ANTWERPEN *(Anvers)*

Fr. SWAGERS. — *La gaja kantaro,* 12 kantoj laŭ regionaj konataj melodioj . . , . fr. 0.25 (10 sd)

Esperantistaj steloj (Gasse) . . . fr. 1.— (40 sd)

Ilustritaj poŝtkartoj kun la lasta portreto de D-ro ZAMENHOF . . . . . . . . fr. 0.10 (4 sd)

—o—

## JAPANA ESPERANTISTO

*Internacia ilustrita Esperanta gazeto*

Jara abono 2 yen = Sm. 2.—. Adreso : « Japana Esperantisto », Marmouchi, Tokio, aŭ Librejo de l'Esperanto, 15, rue Montmartre, Paris.